VIIIa jaro. No 134 ★ Duonmonata ★ 20 Novembro 1912

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

**ABONO**

Jara abono . . . . . . 2,00 $ (5 fr. »)
Luksa eldono. . . . . 2,50 $ (6 fr. 25)
*La abonoj komenciĝas de la 1a de ĉiu monato.*

DIREKTORO : HECTOR HODLER

**REKLAMO**

Reklamo (1 linio aŭ ĝia spaco). 20 Sd.
Anonceto (1 linio : 10 vortoj) . 15 Sd.
Korespondado (1 enskribo) . 20 Sd.
*Rabato da 10 % por 4 enpresoj, 25 % por 12 enpresoj ; 50 % por 24 enpresoj.*

Redaktejo & Administrejo : 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)

## TEKSTO

*Sindikatismo kaj Internaciismo*, A. MARINUS.

**Socia Vivo :**

*La Hindoj*, Harold BEGBIE.
*Artefarita lakto*, N. KAPOSI.
*Homa malsaĝeco*, K. IEN.
*Internacia Universitato per la Internacia Juro*, W. SCHUCKING.
*Notoj.*

**Literatura paĝo :**

*Tra la Esperanta Literaturo*, VERTO.

**Esperantismo :**

*Eĥoj de la Oka.*
*Oni kongresas. — Kroniko.*
*Diversajoj. — Tra la Gazetaro.*

**U. E. A. :**

*Oficiala informilo. — Novaj Delegitoj.*
*Nova ideo de la Propaganda Ligo.*
*Esperantia parolejo.*
*Esperantia Vivo. — Alvokoj.*

## Sindikatismo kaj Internaciismo (1)

II

Ni analizu unue la organizon de la Internacia Sekretarejo de la Naciaj Centroj de Sindikatoj, kies sidejo estas en Berlino. Formita en 1901, sekve relative lastatempe, ĝi grupigas sindikatanojn sen diferenco pri profesioj. Ĝia agado do devige ampleksos tre ĝeneralajn demandojn, kiuj interesas ĉiujn laboristojn, kia ajn estas ilia specialeco. Gi antaŭ ĉio celas alcentrigi ĉiujn informojn kaj dokumentojn pri la internacia sindikata movado, kaj organizi la grandajn internaciajn sindikatajn konferencojn, kie estas diskutataj la plej gravaj problemoj kaj alprenataj decidoj, kiuj al la movado donas unuecan kaj paralelan karakteron.

Tiaj kongresoj okazis en Kopenhago (1901), Stuttgart (1902) Dublin (1903), Amsterdam (1905), Kristiana (1907), Parizo (1909) kaj Budapeŝto (1911). Naciaj Centroj ekzistas en Aŭstrio, Belgujo, Danujo, Finnlando, Francujo, Granda Britujo, Hispanujo, Hungarujo, Italujo, Kroatio, Nederlando, Norvegujo, Serbujo, Svedujo, Svisujo kaj Usono. En Arĝentino, Aŭstralio, Bulgarujo, Japanujo kaj Rumanujo ekzistas naciaj centroj, kiuj ne aliĝis al la Internacia Sekretariejo. En kelkaj landoj ekzistas pluraj konkurantaj naciaj centroj ; Azio, Afriko, parto de Sud-Ameriko kaj de Orienta Eŭropo ne havas centron. Ĉar la maŝinoj tien ne ankoraŭ penetris, la apero de la sindikatismo estus neklarigebla. Se oni ne renkontas la cirkontancojn, kiuj necesigas la grupiĝon de la similuloj, oni same ne renkontas la organon, kiu respondas la diritan bezonon.

(1) Vidu *Esperanto* de 5 novembro.

La suba tabelo montras kiom da homoj reprezentas tiuj naciaj centroj :

| LANDO | SINDIKATANOJ | LANDO | SINDIKATANOJ |
|---|---|---|---|
| Germanujo, | 2.017.298 | Svisujo, | 63.863 |
| Usono, | 1.710.433 | Hispanujo, | 49.984 |
| Granda-Britujo, | 710.994 | Norvegujo, | 46.397 |
| Aŭstrio, | 400.565 | Nederlando, | 44.120 |
| Francujo, | 400.000 | Finnlando, | 15.514 |
| Italujo, | 359.383 | Rumanujo, | 8.515 |
| Belgujo, | 102.511 | Serbujo, | 7.418 |
| Danujo, | 101.503 | Bosnio-Hercegovino, | 6.086 |
| Hungarujo, | 86.478 | Kroatio-Slavonio, | 5.108 |
| Svedujo, | 85.176 | Sumo | 6.221.406 |

Se al tio ni aldonas la ne internacie aliĝintajn grupiĝojn, ni vidos, ke la sindikataj fortoj, kun socialistaj tendencoj, grupigas 9.808.927 homojn, disponas kapitalon de 97.995.967 Sm. kaj jaran buĝeton da 70.000.000 Sm. Flanke de tiu movado, ekzistas en kelkaj landoj, kiel Anglujo, Belgujo, Germanujo, sindikata kristana movado, kies gravecon oni malfacile povas taksi. Oni devas rimarki, ke la internacia organizo de la laboristaj fortoj sur la ekonomia kampo estas nova, kaj ke la progreso de la membraro estis konstanta :

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| 1904 : | 12 naciaj centroj | kun | 2.333.261 | sindikatanoj |
| 1905 : | 11 | — | 2.791.453 | — |
| 1906 : | 12 | — | 3.222.252 | — |
| 1907 : | 15 | — | 3.971.652 | — |
| 1908 : | 19 | — | 5.944.262 | — |
| 1909 : | 20 | — | 6.008.262 | — |
| 1910 : | 19 | — | 6.221.403 | — |
| 1911 : | 20 | — | 7.655.961 | — |

Venos certe iam la tago, kiam ĉiuj landoj havos sian nacian centron de sindikatoj kaj kiam ĉiuj naciaj centroj estos aliĝintaj al la Internacia Sekretariejo. Tiam, la laborista klaso, se ĝi estas bone edukita, taŭge disciplinigita, se ĝi havas fortan senton pri solidareco, havos grandegan potencon, pri kiu nepre devos atenti la dungantoj kaj la registaroj.

∴

Granda nombro de metioj starigis en ĉiu lando profesiajn naciajn federaciojn. Por kelkaj el tiuj metioj formiĝis internaciaj federacioj kun konstanta sekretariejo. Estas evidente, ke kiam ekzistas internacia federacio, ne ĉiuj naciaj federacioj aliĝis. Tiu tiel potenca movado estas nur en la komenca periodo. La plej gravaj metioj, kiuj ludas ĉefan rolon en la nuntempa ekonomia vivado, havas la plej bonan organizon : ministoj, transportlaboristoj, dokistoj, teksistoj, fabriklaboristoj, vitristoj, tipografoj, komerc- bank- kaj bors-oficistoj, metallaboristoj, ktp. Ni ĉi sube montras la membronombron de la plej gravaj :

| Metioj | Membroj | Metioj | Membroj |
|---|---|---|---|
| Ministoj, | 626.452 | Ŝuistoj, | 54.572 |
| Transportoj, | 518.400 | Publikoficistoj, | 52.708 |
| Masonistoj, | 450.005 | Panistoj, Konfitaĵistoj, | 49.674 |
| Lignolaboristoj, | 287.326 | Tabaklaboristoj, | 48.216 |
| Tipografoj, | 130.165 | Bindistoj, | 41.749 |
| Bierfaristoj, | 118.681 | Vitristoj, | 41.380 |
| Ŝtonlaboristoj, | 68.000 | Litografoj, | 31.936 |
| Fabriklaboristoj, | 56.622 | Muzikistoj, | 29.819 |

Estas senutile insisti pri la malcerteco de tiuj ciferoj. La sindikatoj ne ŝatas publikigi siajn statistikojn, precipe la financajn.

En la supra tabelo estas montrataj nur la laboristoj regule enskribitaj kaj regule elpagintaj sian kotizaĵon. Ĉiuokaze tiuj ciferoj sufiĉas por montri, ke ekzistas gravega movado de ekonomia koncentriĝo de la laboristaj grupiĝoj laŭ profesio.

∴

Ni ne povas ĉi tie ekzameni la organizajn detalojn de tiuj diversaj organismoj. Ni montros ilian rolon precipe en la ekonomia vivo, kaj la karateron de ilia agado. Tiu agado montriĝas en la internaciaj kongresoj, kie estas ellaborata la sindikatista « politiko », en la solidarecaj agoj de la diverslandaj grupiĝoj, en eldonaĵoj, bultenoj, raportoj, tri aŭ kvarlingve redaktataj de la konstantaj sekretariejoj de la Internaciaj Federacioj kaj servantaj kiel ligilo inter ĉiuj laboristoj.

La naciaj centroj rajtas sendi du delegitojn al la internaciaj konferencoj, kiuj kunsidas ĉiudujare. La Internacia Sekretariejo rekonas nur unu centron po lando. Ekzemple, en Anglujo, kie estas pluraj konkuraj naciaj grupiĝoj, nur unu povis aliĝi al la sekretariejo. Same en Bulgarujo. Tie ekzistas du naciaj grupiĝoj; la konferenco decidis, ke ili devas kunfandiĝi antaŭ ol aliĝi.

La decidoj de la internaciaj konferencoj koncernas la rilatojn inter la naciaj centroj, la organizon de internaciaj konferencoj, la internacian solidarecon, la enmigradon de fremdaj laboristoj kaj ĝeneralajn demandojn pri laborreguloj. Decido akceptita de iu kongreso valoras ĝis posta decido ĝin modifas aŭ nuligas. La kongresoj redaktas do veran internacian kodon de la sindikataj deziresprimoj. Tio estas procedo rekomendinda al la internaciaj institucioj, ĉe kiuj tro ofte la kongresoj por diskuti demandojn antaŭe solvitajn perdas valoran tempon tie, kie simpla korekto sufiĉus.

La Internacia Sekretariejo havas en sia agadkampo la statistikon de la strikoj, senlaboradoj kaj ĉiuj laboristaj movadoj. Estas rekomendate al ĉiuj sindikatoj apliki unuformajn metodojn, tiel ke oni povu facile kompari la statistikojn, ilin sumigi, ktp. La sindikatoj estas eĉ petataj agi je la aŭtoritatoj, por ke la oficialaj statistikoj estu starigataj laŭ la samaj principoj.

En nia epoko, kiam la laboristaj vojaĝoj estas oftaj, konvenas certigi la aliĝon de migrantaj laboristoj al fremda sindikato. La kondiĉoj pri la transpaso de landano al la sindikato de najbara lando estas do ekzamenataj de la Internaciaj Konferencoj.

Oni devas atentigi precipe pri la decidoj alprenitaj por okaze de konflikto kun dunganto aŭ de ekonomia malprospereco, malhelpi la dungiĝon de fremdaj laboristoj kaj de « flavuloj » (strikrompantoj). En tiuj malfacilaj cirkonstancoj la respondaj naciaj reprezentantoj devas informi la Internacian Sekretariejon. Tiu ĉi informas la organismojn de la aliaj landoj, por ke ili malhelpu la enmigradon de la laboristoj. La nomoj de la « perfiduloj » estas komunikataj al ĉiuj naciaj centroj, se bezone ili estas publikigataj, kaj en kian ajn landon la « flavuloj » prezentiĝas, ili estas traktataj kiel malamikoj.

Por certigi la internacian solidarecon kaj la sendon de helpoj, reguloj estas nun ellaborataj. En okazo de konfliktoj kun mastroj, de strikoj aŭ lokaŭtoj, la lokaj sindikatoj unue devas interveni. Se la situacio ne pliboniĝas aŭ pligraviĝas, la profesia nacia federacio devas alporti helpon. La nacia centro kaj la naciaj federacioj de la aliaj metioj ne estas morale devigataj interveni. Se iliaj monrimedoj tion permesas, ili helpas, sed nenio ilin devigas tiel agi. En la okazo se grava batalo estas komencita, la internacia federacio de la koncerna profesio devas klopodi por trovi la necesajn monrimedojn. En 1909, dum la ĝenerala striko en Svedujo, la internacia federacio de la metallaboristoj donis al la sveda sindikato helpon da 20.000 Sm. kaj prunton da 206.000 Sm. La Internacia Sekretariejo intervenas nur en cirkonstancoj de tute speciala graveco.

Ĝia agado estis necesa kaj efika dum la ĝenerala striko de Stockholm en 1909. Ĝi mem ne liveras helpon, sed ĝi alvokas al la diverslandaj organismoj kaj transdonas la monhelpon al la interesatoj. Tio klarigas, kial la Internacia Sekretariejo kaj la internaciaj profesiaj federacioj havas tiel malmulte da monrimedoj. Ĉiuj monrimedoj estas konservataj de la naciaj sindikatoj. La internaciaj sekretariejoj servas kiel periloj.

La tuta financa potenco de la nuntempa sindikata organizo estas do koncentrata en la naciaj grupiĝoj. Tie ĝi efektive devas troviĝi. Sufiĉas ke la diverslandaj organismoj interkonsentu por ne malhelpi unu la alian okaze de konflikto, por laŭbezone sin reciproke helpi super la landolimoj, por ke la forto de la naciaj organismoj estu konsiderinde pligrandigata. Scii, ke la samprofesiaj laboristoj de la najbaraj landoj ne malutilos, scii, ke se bezone ili helpos, donas sekurecon kaj pli grandajn esperojn pri sukceso al tiuj, kiuj batalas por la plibonigo de sia sorto. La granda profito de tiu procedo konsistas en tio, ke ĝi lasas grandan memstarecon al la naciaj organismoj ; ĝi respektas la karakterizaĵojn de ĉiu popolo, kaj alvokas unuecon kaj solidarecon nur en tiuj demandoj, kie interkonsento fariĝas por ĉiu nepra kondiĉo de sukceso, kie dank'al interhelpo ricevita interŝanĝe de iom da memstareco, oni sentas sin multe pli forta. Oni tamen povas bedaŭri , ke la sento pri internacia solidareco ne estas ankoraŭ sufiĉe edukita por ebligi, ke tiu organizo plene efiku.

Cetere la respekto al la nacia memstareco estas necesa. La sindikatismo multe varias laŭ landoj, kiel ni ĝin poste montros. En tiu rilato la Internacia Konferenco de 1905 alprenis trankviligan decidon, laŭ kiu ĝi ne estas kompetenta « pri la demandoj, kiuj pritraktas la tendencojn kaj la taktikon de la nacia movado de la sindikatoj ». En sia raporto de 1910 la ĝenerala sekretario insistas por ke la Internacia Sekretariejo atentu pri la specialaj cirkonstancoj

# SOCIA VIVO

GEOGRAFIO

## La Hindoj (1)

IV

Estas preskaŭ timige promeni sole tra la stratoj de hinda urbo en la vespero. La nudaj piedoj de la popolo ŝajnigas kvazaŭ la tombo eldonis tuke-vestitajn mortintojn; ili pasas sensone, ili preterglitas tiel kviete kiel tineoj, ili aperas el mallumaj lokoj aŭ rondiras stratangulojn kun silenteco, kiu preskaŭ senspirigas nin. Kaj pli malfrue en la nokto, se la vojaĝanto penetras en la kvietajn hindajn stratojn, li trovas la pavimojn, la enirejojn, la ŝtuparojn, kovritaj de blanke-vestitaj figuroj, dormantaj en la senmoveco kaj la kvieteco de la mortintoj; dum el supra fenestro venas la monotona zumo de tamtamo kaj la naza kantado de dancistino. Hindo povas sidi unu horon sur la kalkanoj, kun la piedoj sole tuŝantaj la teron; kaj li povas dormi tiel komforte sur la nudaj ŝtonoj de la pavimo ekster sia domo, kiel la Eŭropano povas dormi sur risortmatraco.

Oni devas rememorigi sin fojon post fojo, ke tiuj interesplenaj kaj ĉarmaj popoloj ne nur malsimilas forte unu alian laŭ religio kaj kutimoj de la socia vivo, sed ĉiuj absolute kaj tute malsimilas nin. Estas nature supozi kiam ni pasas brita-mienan sinjoron en pli-malpli eŭropaj vestoj, aŭ kiam ni aĉetas skatolon de cigaredoj de ĉarma maljunulo kiu rememorigas nin pri biblia heroo, ke, kiom ajn lia vizaĝo malsimilas nin, kiom ajn nemoda lia kostumo aspektus en Parizo aŭ Londono, kiom ajn ruĝegaj estas liaj dentoj pro maĉado de betelo, tamen la fundamento de lia filozofio kaj la postuloj de lia scienco de la vivo estas tre similaj al niaj. Sed nesperteco kondukas nin al grandaj eraroj. Tiu ĝentila kaj eĉ ŝercema hindo kredas, ke la mondo estas plata; lia dio estas miksaĵo de Bacchus, Don Juan, kaj Dick Turpin; li ne pli volonte promenus kun sia edzino ol li mortigus bovinon; li ne pli volonte sidiĝas por manĝi apud sia edzino kaj filinoj ol li dirus siajn preĝojn en moskeo: li rigardas la sciencon kiel absurdaĵon; li kredas, ke la virinoj ne havas animon; kaj rilate al via propra honorata supera kaj komplezema persono, li kredas en la koro, ke vi estas malpura laŭ viaj kutimoj, freneza laŭ viaj ideoj, kaj abomena al la dioj.

Mi ofte diris, dum mi promenis la larĝajn kaj belegajn stratojn de hindaj urboj: ĉiuj tiuj personoj kredas, ke la mondo estas plata. La frazo ripetis sin senvole, ĝis mia animo kaptis la plenan signifon de ĝia monotoneco. Ili loĝas mondon malsimilan al nia. Ni aĉetas kaj vendas kun ili, ni ridas kaj parolas kun ili, ni estas tiel bonaj amikoj, kiel ili permesas al ni esti, kaj ni verŝajne neniam disputos kaj havos sangelverŝan malpacon, — sed la pensoj de iliaj koroj ne estas niaj pensoj, la aspiroj de iliaj animoj ne estas niaj aspiroj, kaj laŭ ĉio kio faras el la homo saĝan kreitaĵon malsaman ol ĉiuj brutoj, ili estas tiel apartaj kaj malsamoj de ni kiel la mondo de la luno.

Tio estas laŭ mia opinio unu aspekto de la romanco de Hindujo. La popolo disigita en pli ol du mil specoj, estas ankaŭ tiel apartigita de ni, ke ili ŝajnas loĝantoj de alia mondo. Ili havas malsaman moralecon kaj malsaman geografion. Ili estas tiel konstruitaj, ke ili povas imagi dion kaj eĉ honori lin, kiu rompas ĉiun regulon de ilia propra morala kodo, kaj kiu ŝajnus terura monstro al londona rabisto. Iliaj ideoj pri malsanoj kaj senpluveco kaj sonĝoj ŝajnus ridindaj al la plej juna lernejo-knabo. Ili havas nenian konon pri la mondo, nenian intereson pri la eltrovaĵoj de la scienco, kaj nenian respekton al la elpensaĵoj de la civilizacio. Ili sin detenas de mortingo, sed ili lasos hundon morti pro malsato antaŭ iliaj okuloj, aŭ rigardos senkompate la agoniojn de vundita bovo. Ili iras ĉe niaj kirurgoj kaj doktoroj, faras uzon el nia telegrafo kaj telefono, sed la Ĵain'oj inter ili pagas viron por ke li dormu en ilia lito kiam ili forestas kelkajn noktojn, por ke la puloj kaj cimoj ne mortu pro malsato.

Kaj tiuj tri cent milionoj da personoj loĝantaj universon tiel malsaman ol nia, estas kontrolataj de nur manpleno da angloj; iliaj riveroj estas jungataj de anglaj inĝenieroj; iliaj arbaroj konservataj kaj disvolvigataj de anglaj arbaristoj; iliaj dezertoj aliigataj en prosperajn kampojn de anglaj terkulturistoj; iliaj minoj traserĉataj por oro kaj karbo de la sama kvieta kaj nefleksebla povo; kaj eĉ la sereneco de iliaj bluaj ĉieloj nun malklariĝas pro la fumo el la fabrikoj de tiuj samaj insulanoj el la okcidento. Firmaj kaj nemoveblaj kvankam ili ŝajnas stari en siaj pratempaj kredoj, tiuj cent milionoj da homoj estas silente kaj nepercepteble ŝanĝantaj la fundamenton de siaj animoj, kaj komprenantaj novan signifon en la vivo.

El la verko « OTHER SHEEP »
de HAROLD BEGBIE.

(El angla lingvo tradukis ALEX. PRIDE (Calcutta), laŭ afabla permeso de la eldonistoj, Sroj HODDER STOUGHTON, Londono).

(1) Vidu *Esperanto* de 20 septembro, 5 oktobro kaj 5 novembro.

## Artefarita lakto

Hungara scienculo havas sensacian eltrovaĵon, el ekonomia kaj socia vidpunktoj tre gravan. La elpensinto estas D-ro Gustavo Riegler, profesoro de la Kolozsvar'-a hungara reĝa universitato. Jam sep jarojn la scienca profesoro eksperimentas por produkti el vegetaĵoj sterilan lakton. Dum la lastaj semajnoj prosperis al li produkti kemian preparaĵon, kiu estas konforma je la materio de l'lakto kaj kiu laŭ prof. Riegler povas tute anstataŭi la lakton naturan.

Prof. Riegler ne sole tion celas, ke la malsanuloj ricevu sterilan, senbakterian nutraĵon, sed li celas plimalgrandigi la universalan multekostecon per unu malkara, nutra, kaj, laŭ la sintezo, je la lakto tute konforma kemia preparaĵo.

---

de ĉiu lando; la Sekretariejo devas limigi siajn laborojn al demandoj ekstreme ĝeneralaj, kiuj interesas la ĉiulandan kaj ĉiuprofesian laboristaron. La organizo de la solidareco la laboristaj elmigroj, la eksportado de la « flavuloj » ktp., kiel ankaŭ la forigo de la nokta laborado kaj la oficiala reguligo de la hejma laboro, estas ĝeneralaj kaj internaciaj demandoj.

La internaciaj profesiaj federacioj, kvankam ili devas ankaŭ respekti la memstarecon de la naciaj organismoj, povas okupiĝi pri demandoj pli specialaj. La samprofesiaj laboristoj povas internacie diskuti pri problemoj specialaj je sia metio. Ekzemple, la hoteloficistoj povos sin okupi je la demando pri dungoficejoj kaj pri trinkmono; la vitristoj pri la mekanika aŭ homa enblovado; la komercoficistoj pri la sidado en la magazeno, ktp. Cetere la laboristoj de ĉiu profesio aranĝas internaciajn kongresojn por diskuti tiujn demandojn. Tiuj specialaj kongresoj ĝenerale kunsidas okaze de la Internaciaj Socialistaj Kongresoj.

*(Daŭrigota).*

Albert MARINUS,
*(Trad. A. R.).*

Depost jam kelkaj tagoj oni eksperimentas en la Kolozsvar-aj klinikoj per la Riegler-a artefarita lakto. La malsanuloj ne nur ĝojas ĝin trinki, sed ili ĉiam petas ankaŭ multe da la bongusta lakto.

Profesoro Riegler mem diris la jenon pri sia eltrovajo :

« Kiel sukceson de miaj eksperimentoj, mi eltrovis tian kemian preparajon, kiu povas la lakton naturan tute anstataŭi. La lakto estas farita el vegetajoj. Por elprovi la uzeblecon de mia eltrovajo, oni uzas po dek litroj da lakto en du Kolozsvar-aj sanigejoj. Tie oni eksperimentas per ĝi, ĉe la diversaĝaj kaj diversseksaj malsanuloj kaj ĉe la plej diversaj malsanoj. En niaj hospitaloj la malsanaj infanoj kaj plenaĝuloj trinkas la artefaritan lakton jam depost kelkaj tagoj. Mi pensas, ke nur post unu monato estos la afero tute matura.

« Tiam, ne sole mi, sed ankaŭ la sciencaj rondoj, la kemiistoj kaj la kuracistaj profesoroj povos konstati la esencon de l'afero. Kaj tiam ili povos konstati el sciencaj vidpunktoj : ĉu mia preparajo povas vere tute anstataŭi la naturan lakton.

« Ĉefe el socia vidpunkto estas grava mia eltrovajo. Mi deziras plimalgrandigi la multekostecon en la grandaj urboj, per unu senbakteria kaj *malkara* nutrajo. La artefarita lakto ŝajne estas natura, ĝi havas la saman koloron kaj saman karakteron, samajn ecojn, kiel la natura lakto.

« La lakto estas en fabrikoj preparebla, el tre malkara materio. La fabriko povus ĝin liveri al la publiko senbakterie kaj sub ŝtata revizio. Precipe en la grandaj urboj tiu ĉi lakto havus gravan signifon, ĉar tie la natura lakto estas tre kara, kaj la neriĉa popolo ne povas ĝin havigi.

« Kompreneble oni devas unue elprovi la lakton, ĉu ĝi estas tiel bone digestebla, tiel bongusta, kiel la natura lakto. Por tiu ĉi celo, mia familio, kaj multaj familioj el miaj konatoj, kaj miaj instruatoj uzas la lakton. Ni kuiras diversajn manĝajojn per tiu ĉi lakto kaj niaj eksperimentoj havas sukceson. El la sanigejoj mi ricevis la sciigon, de la profesoroj, ke la malsanuloj trinkas tre volonte ĝin, kaj ili diras, ke ĝi estas pli digestebla, ol la bovina lakto. Ĉi tiujn eksperimentojn ni juĝos ankaŭ unu monaton. Post unu monato mi aŭskultos la arbitrojn de l'kompetentuloj kaj de l'tute ne interesataj scienculoj, nur poste mi klopodos utiligi mian eltrovajon ».

Multaj personoj demandis profesoron Riegler, pri la mekanika parto de lia eltrovajo, sed li diris nenion pri ĝi.

Kio donas grandegan signifon al tiu sensacia eltrovajo, kuŝas en la socia rilato de l'nutrado. Tiu ĉi hungara eltrovajo estas ne nur scienca, sed ankaŭ ekonomia valoro kaj gajno.

Nikolao Kaposi (Budapest).

## Homa malsaĝeco

Homaro konstante interbatalas, ofte sen serioza pripensado de vera kaŭzo milita. Gi pro sola ĝojo, ne facile klarigebla, sopiras vidi sian fluantan sangon, ĉiam junan kaj bonodoran.

Kiom da homoj englutis ne satigebla militemo dum unu jarcento ? La oficiala statistiko helpas nin elkalkuli nombron da mortigitaj aŭ malvivaj soldatoj en modernaj militoj, kaj pli seriozaj historiaj traktatoj konservas laŭtkrian dokumentaron por nia instruo. Ekzemple : oni scias, ke milito franca-germana de 1870-71 kaŭzis 250.000 viktimojn ambaŭflanke ; ke senutila milito Krimea de jaro 1845-55 kaŭzis da ili 785.000 ; ke en mallongdaŭra milito itala de 1859 pereis sur batalejo aŭ mortis en malsanulejoj 63.000 viroj ; ke milito de Aŭstrio kun Prusujo senvivigis 46.000 soldatojn ; ke rivaleco de La Nordo kaj Sudo en Unuigitaj Ŝtatoj kaŭzis 1863-1864 morton da 950.000 homoj ; oni scias ankaŭ, ke militoj de « unua imperio » sangverŝis 5.000.000 da Eŭropanoj, kaj ke de jaro 1815 Francujo ankoraŭ dudekfoje armis. Se oni do aldicias ciferojn de militviktimoj dum unu jarcento en diversaj ŝtatoj Eŭropaj, oni resume trovas 19.840.900, nombron rilatantan nur al landoj de Eŭropa civilizacio kune kun Unuigitaj Ŝtatoj.

De historikomenco estis milito en ĉiuj jarcentoj, komencante de milito « Troja ». Kelke da famaj militoj, kiam batalis viro per tranĉilo kontraŭ jetbastono, estas tial rimarkindaj, ke postlasis sur batalejo resume ĝis 200.000 viroj ; ekzemple : milito cimbra-teutona kun « Mariuso » kaj la lasta venko de « Atilo ».

Krucaj militiroj meritas ĉefe tre honoran aludon kiel pro ĉarmeco, tiel pro utileco. Ne priskribante ĉion detale, ni kontentiĝos kun konstato, ke en Eŭropo estis en unu jarcento proporcie 18 ĝis 20 milionoj da homoj mortigitaj.

Tiu ĉi vico da homoj (proporcie tridekjaraj) formus, se ĉiu tenus manon de la alia, strion da 450 milionkilometroj longan, trakurantan tutan Eŭropon kaj Azion ; milita pasio Eŭropa trafus ĝin paŝon post paŝo kiel elektra bato kaj surkuŝigus ĝin senescepte, senpardone mortigitan sur la teron ; ĉiujarcente eliĝas teron simila vico, por refali sammaniere kaj samrapide. Imperioj Ĥina kaj najbaraj verŝis preskaŭ la saman sangmultecon. Sufiĉas se ni rememoras la famekonatajn heroojn : Ĉingis Ĥanon kaj Tamerlanon, kiuj signis haltojn de siaj vojaĝoj per piramidoj da detranĉitaj kapoj. Kion oni scias pri nacioj barbaraj, montras al ni same ĉe ili senĉesan militadon, kiu mortigis preskaŭ 4 aŭ 5 milionojn da prudentaj kreitajoj en la sama tempospaco.

Ĝenerala statistiko argumentas en la sama epoko, ke de milito « Troja », t. e. de komenco de nia historio antaŭ 3.000 jaroj, ne forpasis ĝis nun eĉ unu jaro sen ia milito, kiu ne pereigus sian difinitan parton da homoj. Ne estas eĉ bezone komenci de « Troja » milito ! Se oni kredus kristanecon, ĝian tradicion — ĉu anĝeloj ne interbatalis jam en ĉielo.

De epoko « Troja », de epoko de Davido (kiu posedis konstantan armeon) de epoko de *Semiramis, Sesostrios, Xerxes, Cyrus, Kambyses* laŭgrade ni konstatas, ke niaj 40 milionoj taŭgas al tiuj ĉi tridek jarcentoj tiamaniere, ke resumo da homoj pereigitaj de komenco de nia azia-eŭropa historio povas esti ĝuste taksata je 1.200.000.000.

Tiu ĉi cifero prezentas preskaŭ la nunan loĝantaron de la terglobo. De proksimume post tri mil jaroj, de faraonaj militoj en Egiptujo, de mongolaj kaj ĥinaj invadoj, de militoj de Aleksandro k. t. p. mortigite estis honore kaj laŭleĝe, tre ofte dum laŭdkanto al Dioj de milito (ĉar ĉiu havas sian Dion), aŭ dum sonoj de instrumenta muziko, mi akcentas, estis mortigite tiom da estajoj, kiom da ili nun surhavas nia tero.

Glavo de Marso senripoze sensangigas vejnojn de l'homaro. Dekok milionoj da kubmetroj estis jam da ĝi elverŝitaj. Seina-on trafluas somere ĉe Pont-Neuf ĉirkaŭ 100 kubmetroj da akvo en sekundo, tio egalas 3.500 ĉevalfortojn. Dumore trafluas do sub pontarkoj de la sama ponto 36.000 kubmetroj da akvo. Dumtage estas da ĝi 8.640.000. Oni starigu do apud pontbarilo de Pont Neuf kaj observu tiun rapidan, malhelan kaj profundan riverfluon. Se anstataŭ akvo interborde fluus homa sango, ĝi formus similan riveron, similan fluegon ! Kaj se oni volus vidi ĝin tute forflui, oni devus resti apogita je pontbarilo, super ŝprucantaj ondoj, pli longe ol kvardekok aŭ kvindek horojn.

Tiuj ĉi ondoj kapablus funkciigi muelilojn kaj instigi movadon al turbinoj povantaj fluigi akvon al plej malproksimaj lokoj. Vaporŝipoj naĝus en ondaro, supren kaj malsupren tiel same, kiel okazas nun, barkoj sin lulus sur sangruĝa ondaro, kies naŭza malbonodoro ekokupus reĝajn palacojn kiel densa nebulego de l'diablaj ŝaktoj de « Dante ». Tiu amaso da sango pezas 18 miliardojn kaj 100 milionojn

da kilogramoj. Tiu fluego ne estas sekigebla, ĝi fortŝprucigas senhalte — de komenco de l'historia mondo — 680 litrojn da sango dumhore sur tronojn de Mondo, por konservi al ili konservi al ili honoran purpuron.

Se tiuj 1.200 milionoj da homaj skeletoj, kaŭzitaj dum intergentaj tragediaj dramoj, leviĝus kaj surrampus unu la alian, formiĝus longa, altega stango, kiu tuŝus lunon, ĝin ĉirkaŭvolvus kaj plu suprenirus por aliri punkton jam ne percepteblan en malproksimeco da 500.700 milion kilometroj.

Kadavroj tiuj ĵetotaj en kanalon La Manche apud Pas-de-Calais, povus krei la ponton, tiom longe projektatan inter Francujo kaj Anglujo, kaj disigi barile Antlantikan oceanon de Norda maro.

Se oni prenus kapojn de homoj pereigitajn dum ĉiuj militoj kaj starigus ilin unu apud la alia, oni farus el ili ŝnuron, per kiu la mondo povus esti sesoble ĉirkauvolvita. Kion mi ankoraŭ aldonu al tiuj ĉi bildoj ne kompareble malpli naŭzaj ol la realeco mem? Nuran rimarkon : ke diversaj ŝtatoj Eŭropaj por sia amuzo mortigas monate pli da homoj, ol estas da steloj en hela nokto sur firmamento !

Kaj kiaj estas la motivoj pro kiuj estas militate? Tiuj ĉi motivoj (1) estas rimarkindaj pro sia sensignifeco. De la unuaj el historiaj militoj : de milito « Troja », gvidata por rehavigi malfidelan edzinon, ĝis la lastaj, nome milito el jaro 1870, gvidata sub preteksto de malhelpo de Hohenzollernoj okupi hispanan tronon aŭ milito de Angla nacio en Hindujo, Egiptulo kaj Sudafriko, aŭ militoj de Serbujo kaj ne solvebla, eternŝajna demando orienta, estis neniam iu pli serioza motivo, por ke homoj rotiĝu, freneziĝu kaj lasu sin reciproke manĝegi kiel vulpoj. Post paso de unu jarcentduono rezultato de ĉiuj tiuj ĉi konvulsioj vidiĝas nur per ŝanĝo de koloroj sur geografiaj kartoj.

Oni supozas ofte, ke tio estas fatale natura kaj deviga malbono « kvazaŭ epidemio » kaj oni ankaŭ diras, ke tiamaniere estas malhelpate homa, ke generacio plimultiĝu.

La mondo povus facile nutri dekoblan nombron da homoj, ol da ili estas, kaj ruinigado milita influas nur en proporcio relative malgranda je la multnombreco de la homa loĝantaro, kiu multiĝas, laŭscie — je unu « naskiĝo » en sekundo.

Male, ne estas sufiĉe da homoj en la mondo kaj ĉiu familio estus pli riĉa, se la homaro surhavus je du aliaj brakoj pli.. Efektive, stato de konstanta armita interspaco kaj eŭropa. militarismo estas ĉefaj kaŭzoj de nuna senfrukteco de kampoj kaj senĉesa pereo de landoj. En Franclando apartenas 70 loĝantoj je unu kvadratakilometro, kaj ĉiu povas tie nutrajon perlabori. En kelkaj provincoj, de naturo tiom multe dotitaj, en Nordameriko kun similaj klimato kaj tero, apartenas nur 4 loĝantoj je kvadrata kimetro; tiel restas sufiĉa parto da kulturebla kontinento tute sen prilaboro.

Karlo Ism.

## Internacia Universitato por la Juro Internacia

Depost jarcento la internaciaj interrilatoj montris neatenditan kreskadon, kaj mil fadenoj ligiĝis inter popolanoj. Kiel ĉiam ankaŭ tie la juro sekvas la faktojn. Tiel same la scienco de la juro internacia grandioze evoluis. Tio koncernas la internacian juron ne nur publikan sed ankaŭ privatan. Sur ambaŭ kampoj juraj oni faris vastajn modifojn, ni ricevis proces-regularon por la Arbitracia juĝejo en Hago, kiu jam ofte bone funkciis, kaj espereble la tria hag'a konferenco donos la juĝejon (postulitan ankoraŭ antaŭ nelonge de Lory) kiu estu rajtigita gardi kiel plej alta instanco la ĝustan interpretadon de la normoj de l'privata juro internacia. Sed estas strange ke la scienco de la juro internacia ĝis nun nur trovis nacian ejon. En epoko, kies aparta tasko estos pacigi la naciemon kaj la internaciemon, la juro internacia ne devas esti kulturata en direkto nacia kiel ĝis nun.

Krom tio ĉe la germanaj universitatoj ĝis nun tre malmulte estas farite por la kulturigo de la juro internacia. Mankas profesoroj apartaj, mankas rimedoj literaturaj, precipe la literaturo eksterlanda, en la bibliotekoj publikaj. Jam profesoro Bar en Gottingen, scienculo germana la plej meritoriĉa pri la juro internacia en estinto, postulis akademion internacian por la kulturigo de tiu scienco, kaj dum la dua hag'a konferenco artikolo de Profesoro Otfried Nippold en Bern, kiu postulis internacian universitaton por popol-juro, atentigis eminentajn partoprenantojn de l'konferenco. La prezidanto de l'konferenco de Nelidov tuŝis tiun iniciaton en oficiala parolado kaj esprimis la esperon ke granda kapitalisto ebligos la fondadon de tia universitato internacia. Estas tre dezirinde malfermi la trian konferencon hag'an ne nur per la inaŭguro de l'nova pacpalaco dume kreskanta, sed per malfermo de universitato internacia. Ĉar kiel ejo por tia instituto oni povas konsideri nur Hag'on. Tie jam sidas la juĝejo popola universala kiu baldaŭ akceptos karakteron konstantan aŭ, kiel deziris la dua konferenco hag'a havos je sia flanko konstantan tribunalon. En Hago oni volas organizi la tribunalon internacian por malpacoj pri marmilitaj kaptajoj; en Hago, laŭ la projektoj por la tria konferenco, en estonto oni povos plendi kontraŭ fremda ŝtato kiel privatulo, ankaŭ en aliaj aferoj; en Hago oni ankaŭ volas aranĝi juĝejon por la internacia juro privata. Tiel kreiĝos ampleksa scienco de l'juro internacia kaj estus prosperige por la studado de la adeptoj de la juro internacia se ili tiel povus observi la praktikadon de la internacia juĝado. Eble tie ankaŭ okazus nedaŭra personidenteco inter la ofico instruista kaj juĝista en aferoj internaciaj.

Laŭ proporciaj monrimedoj devus ebliĝi gajni eminentajn instruistojn de l'juro internacia el ĉiuj landoj, kaj aŭtoritatuloj kiujn oni ne povus daŭre restigi en Hago tamen verŝajne por unuopaj kursoj estus kelkatempe haveblaj. Ĉiu instruanto havus la liberan elekton de sia instru-lingvo, praktike ja estus konsiderindaj nur kelkaj lingvoj de graveco internacia. Kaj kiel okazas jam hodiaŭ en landoj plurlingvaj kiel ekzemple Finnlando, oni povus doni al la studentoj la rajton en la seminario kaj ekzameno elekti inter iaj lingvoj kiujn posedos la docento. Vizitantoj ne mankus. Unuavice venus la junaj diplomatoj, la scienculoj komencantoj de la interpopol-juro el la tuta kulturmondo, sed verŝajne sekvus al ili kelka landestro estonta, ministro kaj politikulo. Jam la komunikiĝo kamarada de l'diplomatoj estontaj havus la plej favorajn sekvojn por ilia estonta ofica agado.

Kompreneble la instituto por efiki devus havi karakteron daŭran. Kiu konas la libertempajn kursojn en Salzburg (kiujn naskis aliaj kaŭzoj) proprasperte tie ĉi volos, ke kreiĝu io pli firma. Se la studento havas la impreson ke estas libertempo, li volas ĝui la belan ĉirkaŭajon kaj (laŭ sia diro) volas kolorigi per siaj ĉapoj koloraj la stratobildon por direkti al si la rigardon de ĉarmaj knabinoj, tiam oni malmulton povas esperi por la scienco.

P-ro D-ro Walther-Schucking,
(Trad. (1) E. Wengler.)

---

(1) Pli ĝuste la *pretekstoj* de milito estas sensignifaj, sed multe pli profundaj estas la veraj kaŭzoj de la milito. (Red.).

(1) El *Berliner Tageblatt.*

# NOTOJ

.˙. *La Konferenco pri la Horo.* — La internacia Konferenco pri la Horo faris ĉe la Observatorio en Paris belan kaj utilan laboron dum lasta oktobro. Kiam oni aŭdis, ĉe la lasta kunsido, la prezidanton de la Germana delegitaro S-ron Fœrster dirantan, ke la laboro efektivigita de la Kongreso estas rimedo por realigi « la fratan kunlaboradon de l'homaro », tiam alta kaj nobla emocio influis la scienculojn, tien venintajn el ĉiuj landoj. — En Paris estos alcentrigataj ĉiuj eksperimentoj faritaj en la observatorioj de la tuta mondo pri la difino, pri la konservado kaj pri la transkonigo de la Horo. La nekomparebla anteno, kiu estas la turo Eiffel kaj la malnova famo de la Paris'a Observatorio instigis al tiu elekto. Krom la turo Eiffel, kies horkonigantaj signaloj per senfadena telegrafo — kvankam ili transefikas jam nun je pli ol 6.000 kilometrojn — estus nesufiĉaj por pli malproksimaj lokoj, oni elektis kelkajn aliajn centrojn dise sur la terglobo, kiuj reguliĝos laŭ la centra horo difinita en Paris, kaj kiuj helpos, aŭ, se necese, anstataŭos la francajn signalojn, elsendante je aliaj momentoj de l'tago horajn radiogramojn. Tiel, je ĉiu loko de nia planedo, almenaŭ du fojojn ĉiutage, ŝipistoj, esploristoj, geodeziistoj, direktoroj de fervojoj, scienculoj, horloĝistoj, ĉiuj povos koni precizan horon kun ne pli grava diferenco ol 1/10 da sekundo. Estas konsentite, ke la transsendota horo estas ĉie kaj ĉiam tiu laŭ la devena meridiano de Greenwich, je kiu oni povas facile kompari la lokan horon en iu ajn loko per astronomiaj observoj. Tiel la ŝipestroj ĉiam, kaj de kie ajn venos la signaloj, povos signi sur karto la longitudon de sia situacio rilate al meridiano de Greenwich. La centroj elsendontaj horajn radiogramojn elektitaj de la Kongreso estas : Paris, 24-a kaj 10-a horo ; San Fernando (Brazilio), 2-a kaj 16-a h. ; Arlington (Usono), 3-a kaj 17-a h. ; Moganiscio (Somalisujo) kaj Manila (Filipina Insularo), 4-a h. ; Tombouctou (Centra Franca Afriko), 6-a h. ; Norddeich (Germanlando), 12-a kaj 22-a h. ; Massaouah (Eritreo), 18-a h. ; San-Francisko, 20-a horo. Ĉar la monda horo estas tiu laŭ meridiano de Greenwich, kiun lastan jaron alprenis Franclando forlasante meridianon de Paris, estas interese rimarki, ke multaj britaj kolonioj ne jam akceptis tiun britan meridianon ; Irlando mem havas kiel leĝan horon tiun de Dublin. Plie Turkujo, Bulgarlando kaj Serblando ja akceptis la horajn daŭbojn difinitajn laŭ Greenwich'a meridiano, sed Greklando konservas kiel fundamenton la meridianon de Ateno.

Iom post iom tamen progresos la interkonsento pri horaj daŭboj, kiel progresas la metra sistemo dank'al klopodoj de l'ĉiulanda scienculaparo. — L. Poncet (Lyon).

.˙. *La progresoj de la metra sistemo.* — De Aprilo 1912 Danujo, kiu ĝis nun akceptis la metran sistemon nur nedevige, ĝin definitive akceptis. La respublikoj de Centra Ameriko (Gvatemala, Honduras, Salvador, Nicaragua, Costa-Rica) ĝin oficiale akceptis. La nova Ĥina registaro same faris. Tiu sistemo estas aplikita en Bosnio-Hercegovino post la 1. Septembro 1912.

*La ekonomia graveco de la Panama kanalo.* — La inaŭguro de la Panama kanalo okazos komence de 1915. Dume oni ekzamenas la gravajn ekonomiajn konsekvencojn de tiu okazontaĵo. Laŭ la plej kompetentaj personoj, la tunnombro de la ŝipoj, kiuj la unuan jaron uzos la novan vojon, atingos de 10 ĝis 12 milionoj da tunoj. Por la konstruo la Usonanoj elspezis 800 milionoj da Sm. ; la ekspluatado kostos 6 milionojn da Sm. jare. Sur tiu bazo la prezo po tuno devos atingi ĉirkaŭ 2.60 Sm., kio estas prezo relative alta.

Jen aliparte kelkaj ciferoj kiuj montras, en kia maniero la nova vojo mallongigas la distancojn : La distanco de New-York al San-Francisco estas nun 14.840 marmejloj ; tra la Panama kanalo ĝi fariĝos 5.300 mejloj. De Hamburg ĝis San-Francisko oni nun bezonas 15.140 mejlojn kaj tra la kanalo bezonos nur 8.488 mejlojn. De New-York al Hong-Kong tra la Sueza kanalo la distanco estas 11.655 mejloj ; ĝi fariĝos nur 9.835 tra la Panama kanalo.

.˙. *Japana Gazetaro.* — Dank'al instigo de la estinta imperiestro Mucuhito, la japana gazetaro fariĝis konsiderinda en la mondo.

La du plej malnovaj gazetoj, la « Mai-Niĉi » kaj la « Tokio-Niĉi », fonditaj antaŭ 36 jaroj, aperigas 130.000 ekzemplerojn. Unu numero estas vendata 1 sen 1/2 (0 Sm. 015), kaj unu monato kostas 0 Sm. 350. La plej karaj, kiel la « Japan Times » eldonata en japana kaj angla lingvoj, estas vendataj 0 Sm. 60. Je tiu prezo oni ricevas dek grandajn paĝojn el plej maldelikata papero surhavantajn maldikan premitan tekston kaj ilustraĵojn. La kompostistoj ricevas proksimuman salajron da 0 Sm. 60 tage, kaj la preskorektistoj maksimume 1 Sm. 60. La ilustraĵojn, simplajn skizojn bona direktoro preskaŭ ne pagas ; ofte li nur permesas ilin subskribi. — L. Pt.

.˙. *Nova Sistemo de Fervojo por Rapidega Veturo.* — Antaŭ pluraj monatoj en mallonga skizo publikigita en tiu ĉi gazeto, titolita « La Unurelo en Anglujo », mi diris, ke multaj fariĝis en Anglujo la klopodoj por starigi novajn sistemojn de fervojo celantajn la plirapidigon de la veturo. El tiuj neniu ĝis nun havis sufiĉan sukceson por montri praktikajn komercajn profitojn. Tamen en nuna tempo unu el ili faras grandan promeson de prospera estonto kaj altiras multan atenton ne sole en Anglujo sed tra la tuta inĝeniera mondo. Ĝi nomiĝis post ĝia elpensinto la « Kearney High Speed Railway » (Altrapideca Fervojo de Kerni) kaj diferenciĝas de aliaj sistemoj en la sekvantaj punktoj. Laŭ ĉitiu sistemo la vagonoj kuras sur unu sola surtera relo, kiu portas ilian tutan pezon, sed malsimile al la sistemoj de Brennan kaj Scherl ili estas subtenataj en la rekta pozicio per unu *supra* relo. Pro tio la vagonoj kuras *inter* du reloj per du linioj da radoj, unu linio malsupre portanta la tutan pezon, la alia supre kiu simple tenas la vagonojn en la rekta pozicio. Pro tiu intereco ŝajnas, ke dereliĝo de vagonaro dum la kurado estas praktike neebla, kaj sekve la kurado de la vagonaroj estas multe malpli danĝera ol tiu de la nunaj fervojoj.

Pri kosto aperas, ke bone konstruata fervojo laŭ la sistemo de Kearney kostus preskaŭ same kiel fervojo laŭ la nuna sistemo, se, kaj nur se, la tero sur kiu oni konstruas la fervojon estas sufiĉe plata. Se kontraŭe la nivelo de la tero multe variiĝas la nova sistemo estas multe malpli kosta pro la fakto ke per plirapida kurado la vagonaroj povas suprenrampi pli krutajn deklivojn kaj pli altajn montetojn, kaj sekve la platigo de la vojo, kiu estas ordinare la plej kosta parto de la konstruo, estas multe malpliigata. Por subteraj fervojoj la nova sistemo estas tre konvena kaj multe malpli kosta ol la nuna sistemo. Oni jam proponis konstrui en Londono subterajn fervojojn laŭ tiu ĉi sistemo, per kiuj oni esperas duobligi la rapidecon de veturo tra la urbo kaj urboj, je kosto antaŭ konstrua proksimume duona de tiu de la jam konstruitaj « tub » fervojoj.

Sed plej kredeble la unuan fervojon laŭ la nova sistemo oni konstruos inter Nice kaj Monte-Carlo sur la Mediteranea marbordo, ĉar por tiu fervojlinio oni jam ricevis registaran permeson, nur estas necese akiri la monkapitalon. La kompanio kiu entreprenas la aferon estas la riviera Kearney High Speed Railway Syndicate Limited, de 100 Victoria Street, Westminster, London, Anglujo. Ankaŭ la greka registaro konsideras la konstruon de linio inter Ateno kaj Ephisia, je distanco de kelkaj kilometroj. Plue la direktoro kaj la ĉefa inĝeniero de la italaj fervojoj multe interesiĝas je la nova sistemo, fakto kiu promesas grandan disvolvon de la sistemo en Italujo kiam la nuna milito kun Turkujo estos finita. —

E. W. C. Kearney la elpensinto de la sistemo pri kiu mi skribas, naskiĝis en Aŭstralio, kvankam li pasigis la pli grandan parton de sia vivo en Anglujo. Li estas ankoraŭ juna viro kaj lia juneca energio kaj persista klopodemo estas mem garantio pri la fina sukceso de lia elpensaĵo. Por Esperantistoj eble estos interesa la fakto ke li estas nevo de S-ro E. L. Kearney, konata Esperantisto de Londono.

Funkciantan modelon de la fervojo de Kearney brile sukcesan, oni konstruis kaj nun elmontradas ĉe la « London Louvre », 135 Oxford Street, London W., Anglujo, inter la horoj 5.30 kaj 7.30 ĉiuvespere (tamen ne sabate nek dimanĉe). La vagonoj estas longaj je unu metro kaj atingas efektivan rapidecon de pli ol 40 (kvardek) kilometroj po horo, kaj tion sen ia ajn danĝero de dereliĝo. Efektive ĝi estas tre bela kaj dubforiga modelo kaj certe estas inda je vizito de ĉiu interesata pri fervoja veturo. Oni daŭrigos la elmontradon verŝajne ĝis la fino de la nuna jaro.

R. A. M. K.

# ○ LITERATURA PAĜO ○

## TRA

LA

## ESPERANTA LITERATURO

---

*Tœrœk Péter.* **Normala sintakso de la internacia helpa lingvo Esperanto,** propro de l'aŭtoro, Debreczen (Hungarujo). —Prezo : 25 sd.

En tiu 22 paĝa verketo S-ro Tœrœk Péter, aŭtoro de Gramatiko de Esperanto (por Hungaroj) kaj de Plena esp.-hungara Vortaro, provis montri « kiuj estas en nia kara lingvo la logikaj fundamentaj (sintaksaj) reguloj ». Li celis doni « iun normalon por la malpli lertaj uzantoj de Esperanto kaj samtempe montri la simplecon de tiu ĉi sintakso ».

Mi dubas, ĉu la nelertaj Esperantistoj povos eltiri grandan profiton el tiu iom nekutima konciza teorio ; sed ĝia tralego estas rekomendinda al la esperantaj instruantoj.

S-ro T. P. multe penis por prezenti la esp.-sintakson el iom abstrakta filozofia vidpunkto, kaj lia studaĵo kredeble utilos por redakti la normalan internacian gramatikon, kiun eble post kelkaj jaroj (aŭ jardekoj) bezonos la Esperantistaro. Tre ĝustajn ideojn li esprimas pri la frazakcento, pri la vicordo de la frazeroj, pri la akuzativo :

« Dank'al la direkta kazo (akuzativo), uzata en la lingvo Esperanto, la vicordo de la frazeroj estas libera, tute neligita. Kaj nur tio ĉi ebligas, ke oni povas per sama frazo esprimi la plej malsamajn kaj plej delikatajn sencnuancojn. Do oni povas la frazerojn en la frazo laŭplaĉe vicordigi, sed tamen en ĉiu frazo la vicordo de la frazeroj ĉefe dependas de la frazakcento » (p. 18).

Ankaŭ tre ĝuste li asertas, post multaj aliaj aŭtoroj, ke « la simpleco, logikeco, precizeco kaj belsoneco estas la kriterioj de la bona stilo » (p. 19).

Fine lian konkludon oni devus pentri per grandaj oraj literoj super la skribotablo de kelkaj « idiotismemaj » verkistoj, kies tradukaĵoj estas plimalpli nekompreneblaj por ali lingvanoj kaj estas nur duon — eĉ kvarontradukoj ;

« La vera stilo Esperanta estas nek slava, nek germana, nek romana, ĝi estas nur stilo simpla kaj logika. La stilo Esperanta ne imitas blinde la stilon de aliaj lingvoj, sed havas sian karakteron tute specialan kaj memstaran, kion oni povas al si nur akiri, se oni atente legas kaj imitas bonstilajn Esperantajn tekstojn kaj verkojn (p. 22) ».

Nun mi petas permeson fari al S-ro T. P., kelkajn riproĉetojn.

1· Lia stilo ne estas ĉiuloke, precipe por nelertuloj, tiel klara kaj simpla (vidu ekz. la unuan frazon de la paĝo 8-a) ;

2· Kial li nomas la verbon *predikato* kaj tro sisteme fondas la tutan sintakson sur tiu ĉi bazo, konsiderante ĉiujn ceterajn frazelementojn, eĉ la subjekton, kiel komplementojn ? Kompreneble li senpene povos teorie defendi tiun sistemon, sed praktike ĉu ne estus pli bone uzi la kutiman frazeologion ? 3· Li maldistingas la adjektivon kvalifikan kaj la adj. atributan (p. 14). Tiu konfuzo malebligas, ke li donu la simplan regulon, ke la atributo en Esperanto ĉiam staras en nominativo (mi trovis la bonan vinon, mi trovas bona la vinon aŭ la vinon bona) ; 4· Li asertas, ke la frazo : pardoni la malamikon lian helpon « estas tute malbona ». Tria frazkonstruo estas eble nerekomendinda kaj neniam « mi instruis ĝin miajn lernantojn ». Sed ĝi estas nur imitaĵo de tre logikaj, precizaj kaj klaraj similaj frazkonstruoj en la greka kaj la latina ; ĝi do ne povas esti malbona ; 5· Mi notis kelkajn malkorektaĵojn, ekz. *sia* antaŭ subjekto de propozicio (p. 3, 5) — *tio* anstataŭ *tiu* (p. 5), *iu* anstataŭ *io* (p. 9), *la Esperanto* (anstataŭ *Esperanto* sen artikolo, p. 5, 22, 23).

Tiuj kritiketoj tute ne celas malgrandigi la valoron de la bona kaj scienca verko de S-ro T. P., sed nur pruvi, ke mi ĝin tralegis kun la atento, kiun ĝi meritas.

* *

**Eĥoj el Manila,** de *Edger 'A. Mc Clellan.* Sin turnu al P. G. Box, 636. Manila (Filipinaj insuloj) Prezo : Sm. 1,20 (afrankite).

Tiu belete presita volumo estas « la unua Esperanto libro, kiu iam publikiĝis en la Filipina insularo ». Ĝi enhavas — krom autaŭparoleto, en kiu la aŭtoro modeste prezentas sian verkon — tradukitan 43 paĝan artikolon pri *La Animismo kaj La Leĝo*, verkita el « Budeista » vidpunkto. La aliaj artikoloj, aŭ originalaj aŭ ne, estas multe malpli ampleksaj : kortuŝanta estas *la Voĉo de l'Vento*, larmiga kaj superbela *La Lasta Adiaŭ*, kiun verkis la antaŭvesperon de sia pafekzekuto, la 30-an de dec. 1896, la filipina patrioto D-ro José Rizal ; vere amuza kaj bonhumora *La ĉevalo de ŝtato Iowa*, k. t. p.

Pluraj paĝoj de tiu libro estas flue kaj bonstile tradukitaj, la *gramatika* korekteco estas *preskaŭ* perfekta. Bedaŭrinde multaj estas la barbaraj radikoj, kaj la legadon de tiu verko mi povas konsili nur al harditaj esperantistoj. La novebatikaj tro facile infektiĝus !

Cetere S-ro Mc Clellan « konscias, ke tre eble ĝi enhavas *kelkajn* erarojn ; sed, se tiaj troviĝas, ili estos forigitaj en la dua (espereble baldaŭa ?) eldono korektota kaj pligrandigota » Nu, mi helpu al la forigado !

Ho ve ! ne kelkajn, sed multegajn vortajn eraregojn la verko entenas ; nur la plej gravajn mi citos por ne tedi la leganton : (p. 7) desiĝo (disiĝo), (8) tronke (trunke), (11) aparetis (aperetis), (19) limitiĝis (limiĝis), teminda (timida), (21) altra (alia ?), (32) ĥimio (ĥemio, vid. ĥemiisto, p. 33), Levoisier (Lavoisier), (34) kadenitaj (katenitaj), fonciigante (funkciigante), (35..) forcjon (fortojn), (37) ekcepto (escepto), (38) iluzajn (iluziajn), (43) misterion (misteron), (48) mera (pura ?) (56) sombrojn (??), (70) neprea (nepra), (79, 80) forvolas ! (tamen forflugis, p. 60), (81) enter (inter), (91) viktorion (venkon !), (95) darus ! (donus), (98) repozon (99) ripozadi).

Mi konfesas, ke mi ne povas klarigi al mi, kiel tiom sperta stilisto ellasis tiajn strangajn erarojn.

VERTO.

Aliaj ricevitaj verkoj :

P. Christaller und O. Simon. **Im Siegeszuge durch die Welt.** Esperanto-Propaganda Instituto, Leipzig, Kaiser-Wilhelm Str., 15. Prezo : 100 : Mk. 6 ; 10 : Mk. 1 ; 1 Stück : 15 Pfg.

**La novaj fervojoj tra Aŭstriaj Alpoj** .Eldonis la 1 R. Ministerio por fervojaj aferoj Wien.

# ESPERANTISMO

## AL NIA LEGANTARO

Komence de nova Esperantista agadjaro, ni rememorigas al niaj legantoj, ke ni deziras la kunlaboradon de kiel eble plej multaj samideanoj por la redakto de la rubriko « Esperantismo » speciale de la Delegitoj de U. E. A. Ni plezure enpresos ĉiujn informojn pri nia movado, sed kompreneble ni devos kelkafoje ilin resumi, ĉar mankas al ni loko. Ni rekomendas al ĉiuj kunlaborantoj precizecon : ili bonvolu indiki la daton de ĉiu fakto (parolado, kurso, k. t. p.), proksimuman nombron de ĉeestantoj ĉe kursoj aŭ paroladoj, la devenon de ĉiu informo. Por artikoloj en naciaj gazetoj oni sendu al ni, se ne la jurnalon mem, almenaŭ ĝian titolon kaj daton. Plie, kiam komitato organizas nacian aŭ provincan kongreson aŭ eĉ feston iom gravan, estas konsilinde konigi al ni kiel eble plej frue la daton kaj programon de tiu okazontaĵo. Tiu reklamo estas cetere tute utila. Senutile estas diri, ke ni poste danke ricevos raporton pri tiaj manifestadoj. Por esti enpresataj en la plej proksima n°, ĉiuj komunikaĵoj devas esti ricevitaj de ni *antaŭ la 10. kaj 25. de ĉiu monato. Pri malnovaj faktoj ni ne raportas.* La Redakcio.

## EĤOJ DE LA OKA

**Socialistaj kunvenoj dum la Oka.** — La agado de esperant-socialistoj dum Krakova Kongreso Esperantista konsistis el du fakaj kunsidoj (14 kaj 16 VIII) kiujn ĉeestis pli ol 20 personoj kaj de unu publika, kiun apudestis pli ol 2.000 personoj. Dum fakaj kunsidoj prezidataj de kamaradoj Antoni Czubrynski kaj Bolesław Drobner oni faris jenajn decidojn : 1. La protokolojn de fakaj kunsidoj de esperant-socialistoj ĉu dum universalaj esperantistaj kongresoj, aŭ dum universalaj socialistaj kongresoj oni sendu al la redakcio de « Internacia Socia Revuo » por ke ili estu konservataj ĝis la plej proksima kongreso (prop. H. Fryer el Londono) kaj ankaŭ al aliaj gazetoj esperant-socialistaj (prop. Antoni Czubrynski el Krakow). (Centra organo de ĉiuj esp.-socialistoj estas « Internacia Socia Revuo », kiun ĉiu esp.-socialisto devas subteni). 2. La adresaro de esp.-socialistoj (prop. Goodlife el Leitchworth) estos eldonata kiel speciala aldono al « Internacia Esperantista Jarlibro ». 3. Koncerne la enkondukon kaj praktikan uzadon de Esperanto dum universalaj socialistaj kongresoj ni devas zorgi, ke Esp. devu esti sola lingvo, en kiun nur oni tradukos ĉiujn paroladojn nacilingvajn. Por tion efektivigi oni proponis : sendi tiun-ĉi rezolucion al internacia socialista oficejo en Bruselo kaj persiste postuli la enkondukon de Esp. (H. Fryer), — sendi al tiu oficejo la raporton pri la stato de movado esp., presitan de Centra Esp. Oficejo, por konatigi Bruselan Oficejon kun la stato de esp. movado (Fertercense), — kaj al ĉiuj membroj de tiu oficejo (Aizière el Parizo), al Universala Socialista kongreso proponi alternative akcepti Esp-on aŭ kiel kvaran lingvon, aŭ kiel lingvon en kiun estos tradukataj la paroladoj el aliaj lingvoj (Raiczi el Debreczen). — zorgi, ke ĉiu nacia socialista partio enkonduku la temon pri Esp. en la tagordon de la internacia partio, kaj ke kiel eble multe da ĉeestantoj esp.-socialistaj partoprenu en internacia socialista kongreso (Fryer). 4. Sendi saluton al gazetoj esp.-socialistaj.

Dum publika kunveno ĵaŭde 16. aŭg. en cirkejo apud Park Krakovski, kiu havis veran karakteron de multnacieco, aranĝita de Krakova komitato de Pola Partio Socialdemokrata (P. P. S. D.) prezidita de kamaradino H. Fryer el Londono kaj kamarado Aizière el Parizo parolis kamaradoj polaj, francaj, germanaj, anglaj, hungaraj, rusaj kaj turkaj. Decido akceptita dum tiu kunveno : « Kunvenintaj en Krakovo 15. VIII 1912 esp.-socialistoj opinias : 1. Ke por efektiva realigo de socialistaj ideoj estas necesa la helpa lingvo, kiel dua lingvo de ĉiu kamarado kaj kamaradino. 2. Ĉar la ideo de helpa lingvo internacia estas tiel grava, ke socialistaj partioj de ĉiuj landoj devas klopodi pri tio, ke Esperanto estu enkondukata kiel eble plej baldaŭ, kiel minimume nedeviga objekto en la lernejoj. 3. Oni devas fervore klopodi, ke Esp. fariĝu kvara lingvo de internaciaj socialistaj kongresoj.

Tiu kunveno en kiu partoprenis 2.800 homoj faris por esperanta movado dum horoj pli multe ol deko da teoriaj paroladoj pri Esperanto. Vastaj amasoj da laboristaro havis okazon aŭdi la helpan lingvon tute senpage. Tradukis polen kaj esperanten kamaradoj Antoni Czubrynski kaj Belmont el Varsovio, alterne, aŭ tutajn paroladojn, aŭ unuoblajn frazojn. — Antoni Czubrynski, Krakow.

## ONI KONGRESAS

**Lancashire kaj Cheshire Federacio.** — En Blackpool, sabaton la 26 okt., 90 delegitoj el dekkvar diversaj urboj kaj vizitantoj el Grange-over-Sands, Sheffield kaj Shipley estis oficiale akceptataj de la urbestro (Ald. Collins) en la urbdomo. Lia moŝto laŭdis nian aferon kaj S-ro Taylor, Buxton, prez., de la Federacio kaptis la okazon eldiri tre trafajn rimarkojn pri U. E. A., kaj ankaŭ klarigis la funkciadon de la Ĉekbanko. La klopodoj de la Propaganda Ligo en Munchen estis priparolataj kaj plano de la ĝardenurbo elmontrata. Sekvis tre kuraĝiga parolado de la prez., kaj la sekr. skizis en sia ĉiujara raporto projekton por pli efika propaganda laboro en la du graflandoj. La financa raporto estas tre kontentiga kaj la kasisto konstatas saldon de 40 Sm. Post la elekto de la oficistaro por 1913 kaj la eldiro de kelkaj faktoj rilate al la okazonta en januaro, S-ro R. P. Griffiths (Liverpool) legis sian traktaĵon pri : La Kimra Karaktero. Oni tagmanĝis en apuda kafejo kaj ankaŭ ĝuis la postan koncerton kaj dancadon.

## KRONIKO

**Novaj grupoj kaj societoj.** — En *Wunsiedel* (Bav.) nova grupo kun 33 anoj ; prez. S-ro F. Arzberger.

En *Mainz* (Germ.) nova grupo kun 25 membroj. P. : S-ro K. Gemert, V. P. : S-ro F. Müller, S. : P. Spaar, K. : P. Meister, B. : H. Wolf, konsilanto : J. Alberti.

En *Philadelphia* (Usono) la nova grupo « Norda Rondo » kunvenas ĉiudimanĉe ĉe 816 N. 11-a st. 16 anoj. Fremdajn vojaĝantojn oni speciale invitas. P. : J. Kalmus.

*Frankfurt a/M.* — Laŭ propono de S-ro Kreutz (Sekr. Esp. Frkfrt) la Esperantista Grupo kaj la Laborista Grupo esperantista Frankfurt a. M. formis internan organizajon. — Centra Komitato por Esperanto-Propagando — por laŭ komuna programo publike propagandi Esperanton. La komitato tiamaniere funkcios, ke la delegitoj de la 2 grupoj ĉiumonate kunvenas por priparoli, aŭ decidi pri aranĝoj publikaj je intereso de la ambaŭ grupoj.

**Novaj kursoj.** — En *Regensburg* (Germ.) tri kursoj kun 120 anoj.

En *Praha* (Boh.) la « Unua virina grupo esp. » aranĝis du kursojn ; instruas S-ino prof. Krausova kaj F-ino Supichova.

En *Lodz* (Rus.) du privataj kursoj por la lernantoj de la lodza gimnazio de Vitanovski, gvidataj de S-ro J. Ŝapiro.

En *Trento* (Aŭstrio) la « komitato esp. » malfermis kurson kun 30 lernantoj.

En *Frankfurt a/Main* (Germ.) la esp. grupo aranĝis kurson kun 10 anoj. Ĉiuj estas geoficistoj ĉe sama firmo — Veifa-Werke — elektro-teknika fabriko. Gvidanto estas S-ro E. Hummel. — En « Moderne Sprachschule », S-ro Rübsamen gvidas du kursojn, unu kun 30, la alia kun 10 anoj nur eksterlandaj. — Kr.

En *Bordeaux* (Franc.) la loka grupo aranĝas konkurson por gejunuloj 12 ĝis 15 jaraj. La premioj konsistas el ŝparkaslibroj; la plej alta premio valoras 100 frankojn. Du specialaj kursoj estas malfermitaj kaj publikigitaj kune kun la konkurso per granda presita cirkulero.

En *Bern* (Svis.) nova kurso kun 30 anoj.

En *Philadelphia* (Usono) kaj ĉirkaŭaĵo kvar kursoj estas organizitaj. La kurso ĉe West Philadelphia estas gvidata de S-ro F. Knowlan, ĉe Swarthmore kolegio de S-ro G. Bye, ĉe la Radikala Biblioteko de S-ro M. Levene, ĉe la Josephine Weidner, Librejo de S-ro C. C. Coigne. — C.

En *Kovno* (Rus.) novaj kursoj gvidataj de la redaktoro de « Kovno-Esperanto », S-ro M. S. Valentinov.

En *Ĝenevo* (Svis.) post vigla propagando de S-ino Biske estas malfermata serio da kursoj gvidataj de ŝi ĉiutage en la universitato. Partoprenas 120 lernantoj.

*Korekto.* — En N-ro 132 sub la sama rubriko estas erare presita Radebeul anstataŭ *Rabenau*.

**Paroladoj.** — En *Bern* (Svis.) S-ro J. Baumann, prez. de la elsaza esp. ligo, faris paroladon pri : Esperanto kaj ĝia graveco por la moderna vivo.

En *Kališ* (Rus.) dank'al la prez. de la tiea grupo « Lumo », S-ro B. Szczepankiewicz estas aranĝitaj la unua parolado kaj malgranda ekspozicio.

En *Wunsiedel* (Bav.) S-ro J. Hechtl, Del. en Franzensbad, faris paroladon pri la movado esp.

En *Frankfurt a. Main* (Germ.) S-ro R. Kreutz paroladis en la « Stenografia unuiĝo Stolze-Schrey » pri Esp., esp. stenografio kaj pri U. E. A. — En Januaro S-ro C. Barthel faros lumbildparoladon pri Ĝenova. — Kr.

En *Letchworth* (Angl.) S-ro D-ro W. Marchand el Germanujo faris esp. paroladon pri la celo kaj rezultoj de geologia scienco; ĉeestis 25 personoj. Vidante, ke alilandulo povas fari lertan sciencan paroladon per Esp., la tiea loĝantaro multe interesiĝas por nia afero. — F. A. G.

En *Philadelphia* (Usono) S-ro B. Coigne faris paroladon al la anoj de stenografia klaso de Y. M. C. A. (Krist. Asoc. por. jun.) pri Esp., U. E. A. kaj la Klubo « Universo ».

En *Villeneuve-sur-Lot, Bordeaux, Luçon, Rochefort, La Rochelle*, S-ro Chalot, prez. de la grupo en Toulouse, faris sukcesan serion de paroladoj pri Esp.

*Frankfurt a/M.* Por S-ro D-ro Hanauer, kiu bedaŭrinde pro malsano ne povis veni Frankfurt'on S-ro Kreutz faris propagandparoladon en Gewerkschaftshaus — por la laborista grupo laŭ propono de la interna organizaĵo. Je kurso aliĝis 13 personoj. Oni intencas aranĝi paroladojn inter poŝtistoj, policistoj kaj tramvojistoj.

**Kunvenoj kaj festoj.** — En *Le Mans* (Franc.), la 28 okt. okazis sukcesplena vesperfesto. S-ro Cart parolis pri Esp. kaj ĝia movado antaŭ 800 personoj. Post la parolado S-ro Cart disdonis diversajn propropagandilojn. Koncerto kaj komedieto sekvis la paroladon. La gazetoj favore raportis pri la festo. — A.

En *Budejovice* (Aŭstrio) okazis adiaŭfesto je honoro de S-ro K. Holleĝha, i. re. ĉefleŭt., kies foriron la klubo tre bedaŭras pro liaj agemo kaj prospero; 60 ĉeestantoj. La programo konsistis el koncerto, danco, kantoj kaj ludoj. — M.

**Paroladvojaĝo pri Praha**

S-ro prof. Pitlik komunikas al ni, ke la unua parolado kun ĉiuj 200 lumbildoj okazos en Praha komence de decembro ĉe okazo de 10-jara jubilea festo, organizota je memoro de la fondiĝo de unua esp. klubo en Bohemujo : E. K. en Praha. Poste ripetiĝos la parolado en Brno (Moravio). Laŭ la ĝis nun starigita programo, li elveturos en mezo de decembro kaj parolados en Braunschweig kaj la 22-an en Lille. Dum januaro li restos en Britujo. La paroladoj en Francujo okazos dum februaro. Adresu ĉiam : S-ro prof. Aug. Pitlik en Praha III Janskyvrsek 3, Bohemujo.

## DIVERSAĴOJ

∴ *Gvidfolioj.* — Ni havas la plezuron anonci la aperon de du novaj gvidfolioj : *Kiev* (Rusujo), 4 paĝoj kun plano de l'urbo, kaj *Kotka* (Finnlando), 4 paĝoj. Tiuj gvidfolioj estas riceveblaj de la C. O. de U. E. A., kontraŭ 1 respondkupono aŭ en la plenaj kolektoj (50 sd.).

Gvidfolioj de *Cheltenham, Madrid, München* estas en presado. Baldaŭ aperos gvidlibro de *Plzen* (Pilsen).

∴ *Esperanto ĉe la Turisma Kongreso.* — Ĉe la V· Internacia Turisma Kongreso de la Federacio de l'Iniciataj Sindikatoj franco-hispano-portugalaj okazinta en Madrido la 24-30 oktobro, S-ro R. Codorniu, hon. prez. de la Hispana Societo p. p. de Esp., prezentis bone dokumentitan raporton pri Esperanto kaj Turismo. La sekvanta propono estis unuvoĉe akceptata de la Kongreso : « Pro la kreskanta rapideco kaj facileco de la komunikoj, fariĝas urĝa la akcepto de internacia helplingvo, kiu faciligos la rilatojn inter la diversnaciaj individuoj, kaj sen dubo Esperanto prezentas nuntempe la plej grandajn profitojn ».

∴ *Esperanto kaj teatro.* — F-ino Ada Sari, kiun oni aplaŭdis en Krakovo ĉe la prezentado de *Halka*, kantas nun en la Triesta teatro. Ŝi baldaŭ faros Esperantan koncerton en la sidejo de la tiea Esp Grupo.

∴ *Esperanto kaj socialistoj.* — Ni ricevis la regularon de la Esfio, nova franca Esperantista socialista organizaĵo. En la kunveno de la Pariza grupo (20 oktobro) oni legis leteron de Kamaradino H. Fryer, sekr. de la Brita Ligo Esp. Socialista kaj la cirkuleron senditan al 1.400 grupoj socialistaj de Anglujo. Pli ol 100 grupoj respondis, ke ili komisios siajn delegitojn al la Internacia Socialista Kongreso por peti, ke la demando pri komuna lingvo estu diskutata.

La grupo pariza de la Esfio sendos cirkulerojn al la sekretarioj de la grupoj, sekcioj socialistaj de l'departemento de la Seine, demandante, kiam tiuj grupoj deziras, ke oni faru paroladojn pri : Esperanto kaj Socialismo, tri paroladoj estas jam faritaj. Oni aldonos al la cirkuleroj partojn el la folio sendita de la Brita Ligo.

*Korekto.* — En la N-o de 5 septembro ni diris en la raporto pri la kongreso de U. E. A., ke S-ro Silbernik, el New-York donis la salutojn de la « Usona Esperanto Asocio », kies kongreson en Boston li ĉeestis antaŭe. En tiu informo kuŝis eraro. La nomo de la Asocio estas la « Esperantista Asocio de Norda Ameriko », kies ĉefoficejo estas ĉe « The Esperanto Office, Washington, D. C », kie ankaŭ de nun estos la « Nordamerika Oficejo de U. E. A. S-ro Edwin C. Reed, ĝenerala sekretario de la Esp. Asocio de Nord-Ameriko kaj ĝia direktoro, estos ankaŭ direktoro de la Nord-Amerika Oficejo de U. E. A.

## TRA LA GAZETARO

∴ *Lingvo Internacia* (aŭg.-sept.-okt.) publikigas amuzan raporton pri la Oka. Jen humora priskribo de la diversaj tipoj renkontataj ĉe la Kongreso :

..... Kaj sidanta sur benketo en angulo mi rigardas, pasantaj kaj repasantaj, la diversajn tipojn de kongresanoj, kiujn oni renkontas en ĉiuj miaj jaraj kunvenoj. — Jen kelkaj el ili :

La *verda kongresano*, esperante vestita, kun verdaj steloj sur la ĉapela rubando, verdaj steloj sur la poŝoj de l'jaketo, verdaj steloj sur la tuta veŝto. Li havas verdajn flagetojn sur la ĉapelo, verdajn flagetojn en ĉiuj butontruoj de la jaketo; li purigas sian nazon (abomeno!) per malgranda esperanta flago. Ĝenerale li estas vegetarano kaj manĝas nur verdajn legomojn.

La *bonhumora kongresano*, ĉiam ridanta, ĉiam kontenta. Li venis al la Kongreso por amuziĝo, kaj li amuziĝas. Li ĝojas, kiam brilas suno, li ankaŭ ĝojas, kiam falas pluvo. Li gratulas ĉiun, aplaŭdas post ĉiuj paroladoj, havas ĉiam saman opinion, kiel lia kunparolanto. Li estas kontenta pri la manĝo, kontenta pri la ĉambro, kontenta pri la puloj (ĉar ekzistas ankaŭ kongresaj puloj).

La *malbonhumora kongresano*, ĉiam malgaja, ĉiam kritikanta. Tuj de la alveno li kritikas kaj plendas. La donitan loĝejon li trovas abomena, li postulas tuj alian. Kiam la ŝanĝo estas farita, li sopiras je la unua. En la kunvenoj li plendas, tial ke lia sidloko estas tro malproksima, ke la oratoroj tro mallaŭte parolas. Se la parolado estas longa, li plendas, tial ke oni diras neutilajn vortojn; se la parolado estas mallonga, li plendas, tial ke la oratoro petis parolon por nenion diri. Ĉiam kaj ĉie la malbonhumora kongresano malfermas la buŝon nur por diri malagrablajon. Kaj la lastan tagon li malaperas murmurante, kritikante la faritan elekton pri la sidejo de la venonta kongreso.

La *politika kongresano*, kiu revas nur pri parlamento, partioj, proponoj, k. t. p. Li portas ĉiam sub la brako grandan paperujon kun dokumentoj, projektoj, broŝuroj. Li alkondukas vin en angulon por malkovri al vi grandan sekreton. Li estas aŭtoro de vasta projekto por organizado de Esperantistaro. Ĝis nun oni parolis nur pri Tera Esperantistaro; sed oni scias, ke kredeble oni povos baldaŭ interrilatiĝi kun aliaj planedoj. Tiutempe la propagando estos ne sole nacia, ne sole internacia, sed ankaŭ interplaneda. Oni do devas nun pensi pri la kreado de centra organizo, por la tuta suna sistemo. Tiu ĉi centra organizo bezonas oficejon, sekretariejon. Sed ekzistas jam tute preta oficejo, la Centra Oficejo, kiu plene konvenas por la rolo de Sunsistema Oficejo, pro la multaj aŭtobusoj pasantaj antaŭ la pordo.

La *mallaborema kongresano*, kiu venis al la kongreso por ripozi kaj... ripozadas. Li leviĝas tre malfrue, bone ĝuas la matenmanĝon, kaj ĉirkaŭ la dekunua iras al la Akceptejo. Li babilas en la koridoroj, skribas kelkajn poŝtkartojn kaj je la unua iras por tagmanĝi kun samideanoj. Li longe babilas, trinkas nigran kafon kaj je la tria akompanas amikojn ĝis la pordo de l'kongresejo. Kelkafoje li eniras la vestiblon por fini babiladon. Li unufoje eĉ malsupreniris la ŝtuparon kaj rigardis scivole tra la pordo en la kongresan salonon. Sed la severaj mienoj de la estradaj sinjoroj lin timigis, kaj li tuj malaperis. Dum la kunvenoj li promenas tra la urbo, aŭ, sidanta en publika ĝardeno, legas nacian gazeton. Li konas ĉiujn kafejojn aŭ sukeraĵejojn de la kongresa urbo, japanajn kaj ne japanajn, sed havas nenian ideon pri oficialaj institucioj.

La *ĝenerala specialisto*, ano de ĉiuj societoj, ligoj aŭ asocioj. Li ĉiam kuras kun programo en mano, ŝvitante kaj viŝante la frunton. Li ĉagreniĝas, tial ke okazas samtempe kunvenoj de katolikoj kaj liberpensuloj, bankistoj kaj socialistoj, farmaciistoj kaj juristoj. Li estas en stranga embaraso; ĉu li estas pli socialisto ol bankisto aŭ pli bankisto ol socialisto. Ne trovante solvon de l'problemo, li eniras la kunvenon de maristoj (li neniam vidis maron), kie oni lin enskribas en la Societon de la Amikoj de la Maro.

La *kolektista kongresano*, kiu kolektas ĉiujn paperojn, ĉiujn afiŝojn rilatantajn Esperanton. Li abonis ĉiujn Esperantajn gazetojn aperintajn kaj malaperintajn. Li havas la solan konatan ekzempleron de la *Groenlanda Esperantisto* presita ĉe la Norda Poluso mem sur foka haŭto. Li posedas ankaŭ la bonan eldonon de la verkaro de Devjatnin, tre maloftan, tiun, kiu enhavas multe da preseraroj en la Antaŭparolo. En ĉi tiu momento li estas tute ĉagrena; li vidis en la mano de samideano prospekton pri iu Esperanta botpoluro, kiu mankas en lia kolekto, kaj li nenie povas ĝin trovi. Li petas la malofiajon de ĉiu oficisto, de ĉiu vendisto, kaj fine, ho feliĉo! sur la strato li jus ekvidas unu iom makulitan de koto. Zorge li ĝin prenas, stampas per sia marko kaj enskribas en la katalogon kun numero 364.523.

La *kongresano, kiu elpensis novan vorton* terura viro, kiu vin prenas per butono de jaketo, vin puŝas en angulon de koridoro, kaj ne volas vin liberigi. Vane vi konstante jesas, vane vi oscedas, vane vi rigardas la poŝhorloĝon. Li daŭrigas malvarme la pruvadon. Esperanto estas perfekta, per ĝi oni povas esprimi ĉiujn nuancojn de l'penso krom unu; Esperanto havas ĉiujn kvalitojn, ĝi estas logika escepte pri unu punkto. Kelkafoje la kongresano, kiu elpensis novan vorton, kaptas alian elpensinton. En tia okazo ambaŭ parolas samtempe ne aŭskultante unu la alian.

Fine, *the last but not the least*, kiel diras niaj britaj samideanoj.

La *kongresano, kiu scias nenion pri Esperanto*, krom la nomo Esperanto.

Vi ridas, vi diras, ke mi estas ŝerculo, memsogulo. Mi juras, ke ĉi tiu speco ekzistas. Mi vidis la solan ekzempleron ĝis nun konatan per miaj propraj okuloj. Li havas du kruroj, du brakojn, du okulojn kaj unu buŝon, el kiu neniam eliris iu ajn esperanta vorto..... »

.˙. *Nord und Sud*, Germana monata revuo. La sept. n-ro enhavas tradukon de S-ro Neurath, Del, Wernigerode, de artikolo de prof. Bourlet en « La Revuo ». Bona pruvo por la taŭgeco de Esp. por scienco.

.˙. *Utimskij Vestnik* (Ufa) represas la artikolon de S-ro Devjatnin: Parkurbo Esperanto, tradukitan rusen de S-ro Zavjalov, Vicdel. en Ufa.

.˙. *Bund, Tagblatt, Intelligenzblatt, Tagwacht*, bernaj ĉiutagaj gazetoj, favore rilatas al nia afero kaj volonte akceptas artikolojn pri ĝi.

.˙. La grava revuo *La Vie Internationale* (Bruselo) aperigas en sia 5-a kajero artikolon de S-ro C. Bourlet, pri la jubilea kongreso.

.˙. *Independente* (Loanda) en N-ro 30 sept., enhavas longan artikolon de nia Del. S-ro E. da Maya pri Esp., kaj U. E. A.

.˙. *De Avondpost* (s'Gravenhage) en n-ro 2/3 nov. krom esp. leciono de S-ro J. L. Brujn represas longan artikolon el la verko de S-ro E. Privat : La Historio de Esperanto.

.˙. *Auerbacher Zeitung* en la esp. rubriko de 20 okt. aperigas la unuan parton de la listo de germ. esp. grupoj kaj artikolon pri Esperanto kaj la lernejo.

.˙. *Werdauer Tageblatt* en n-ro 20 okt. enhavas esp. poemon kun germana traduko.

.˙. *Schweizerische Bürgerzeitung* (Zurich). La n-ro de 22 okt. aperigas kvin artikolojn pri Esp. kaj anoncas la baldaŭan malfermon de Esp. kurso.

.˙. *Kyminlaakoo* Suurjaari, (Finnlando). La n-ro de 30 okt. represas la artikolon : Internacia kontrolado de l'Oceano aperintan en n-ro 131 de *Esperanto* kaj tradukitan en la finlandan lingvon de nia Del. E. Elenius.

Favoraj artikoloj kaj notoj aperis en la jenaj gazetoj :

.˙. *Oberschlesische Volksstimme* (Gleiwitz) 20 okt. ; *Emser Zeitung* 1 nov. ; *Kosmos* (Leipzig) n-ro 20 ; *Allgemeine Zeitung fur Chemnitz* 3 nov. ; *Wormser Volkszeitung* 22 okt. ; *Elbinger Zeitung und Elbinger Anzeiger* 22 okt. ; *Reckligshauser Zeitung*, 30 okt. ; *Dresdner Nachrichten*, 22 okt. ; *Hamburgischer Correspondent*, 24 okt. ; *Centrat Anzeiger* (Magdeburg) ; *Schoneberger Tageblatt*, 20 okt. ; *Saarbruker Lokal Anzeiger*, 19 okt. ; *Ulmer Tageblatt*, 18 okt. ; *Schlesisches Tageblatt* (Schweidnitz) 27 okt. ; *Prager Tageblatt*, 30 okt. ; *Westfalischer Merkur* (Munster), 27 okt. ; *Grazer Tagblatt*, 1 nov. ; *Reichspost* (Wien) 28 okt. ; *Schweizer Hotel-Revue* (Basel), 5 okt. ; *General-Anzeiger* (Ludwigshafen), 30 okt., *Arbeiterzeitung* (Winterthur) 7/8 nov. ; *Der Landbote* (Winterthur) 7 nov.

*Winterthurer Tagblatt* en n-ro 9 nov., enhavas artikolon pri U. E. A.

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

### Komitato de U. E. A.

Per sia lasta rondiranta kajero, la Komitato de U. E. A. alprenis la jenajn decidojn :

1. Ĝi elektis S-ron Mareŝ kiel Fakestron de la Universala Studenta Asocio (Studenta Fako) ;

2. Ĝi studis la principon pri starigo de Esperantia juĝistaro. Teksto estos preparata de S-ro Stettler, Vicdirektoro de U. E. A. ;

3. Ĝi akceptis proponon de S-ro Rousseau pri la represado de la listo de la Delegitoj en aliaj adresaroj;

4. Ĝi akceptis kontrakton kun Esperanto-Asocio de Nord-Ameriko pri starigo en Washington de Nord-Amerika filio de la Centra Oficejo de U. E. A.;

5. Ĝi akceptis la provizoran regularon pri la kolektado kaj administrado de la Garantia Kapitalo, elektis provizoraj administrantoj: S-ron H. Bolingbroke Mudie, prezidanto, A. Carles, sekretario, Ed. Stettler, kasisto. Ĝi rajtigas la C. O. de U. E. A. organizi ĉion necesan por la kolektado de la kapitalo, kontrakti kun banko laŭ montroj de la raporto de l'financa fakestro, kaj provizore elekti aliajn administrantojn, se ne akceptus tiuj de la Komitato elektitaj;

6. Gi akceptis la jenan tekston:

« La Komitato de U. E. A.,

« Observinte kun atento la agadon de S-ro Hodler, Direktoro de U. E. A., kaj de liaj kunlaborantoj de la C. O. de U. E. A., dum la jaro 1911-12,

« 1e Plene aprobas ĝin kaj kore dankas ilin,

« 2e Esprimas al ili sian plenan konfidon por la plenumado de ilia tasko dum la venonta jaro. »

**Distriktaj Delegitoj.**

La balotado de la Distrikta Delegito en insulo Cuba, starigita kiel aparta distrikto, liveris la jenajn rezultatojn: Delegito S-ro A. Aleman Ruiz 8 voĉoj, S-ro J. M. de Villa 1, S-ro A. Ma. Oliva 1, Vicdel. S-ro J. M. de Villa, 6 voĉoj, D-ro E. Rodriguez 1, S-ro A. M. Oliva 1, S-ro A. Aleman Ruiz 1, S-ro G. Puig 1. Konsekvence, S-ro D-ro Antonio Aleman Ruiz estas elektita kiel Distrikta Delegito kaj S-ro Joaquin M. de Villa kiel Distrikta Vicdelegito.

**Balkana milito.** — Pro la Balkana milito ni ne povas garantii la akuratan funkciadon de niaj servoj en Bulgarujo, Grekujo, Montenegro, Serbujo kaj Turkujo. Ni do ne povos konsideri la plendojn, kiuj rilatas al la Delegitoj de la diritaj landoj dum la daŭro de la milito.

**Statistiko.**

Jen la movado de la korespondaĵoj ĉe la C. O. de U. E. A. dum la monato oktobro:

| Ricevitaj: | Mandatoj: | Forsenditaj |
|---|---|---|
| 1357 | 148 | 2929 |

Tuta sumo: 4.434. Antaŭa monato: 3.268. Antaŭa jaro (sama monato): 3.065.

Dum la tuta jaro 1911-12 la movado de la korespondaĵoj estis:

| Ricevitaj: | Mandatoj: | Forsenditaj: |
|---|---|---|
| 15.748 | 2.843 | 22.836 |

Tuta sumo: 41.067. Dum la lasta jaro (1910-11) estis entute 34.355. Tiuj ciferoj montras rimarkindan progreson kaj pruvas pli ol vortoj la necesecon de pli alta kotizaĵo. Aliparte ili montras la gravan laboron, plenumitan de la C. O. de U. E. A., ĉar kalkulante 300 labortagojn po jaro la meza movado de la korespondaĵoj dum la lasta jaro estis po tago 140.

**Financoj.**

*Konteltiro de U. E. A. de Oktobro 1912*

| Debito | Sm. | Kredito | Sm. |
|---|---|---|---|
| Oficejo | 30.72 | Kotizaĵoj | 14.22 |
| Loĝejo | 12.00 | Esperantiaj Entreprenoj | 2.00 |
| Salajroj | 204.66 | Administraj Enspezoj | 137.29 |
| Korespondado | 65.86 | | |
| Presaĵoj | 69.88 | | |
| Materialo | 48 64 | | 153.51 |
| Jarlibro 1912 | 1.094.00 | | |
| Forsendo de Jarlibroj | 6.08 | *Saldo* | 1.382.63 |
| Administraj elspezoj | 4.30 | | |
| | 1.536.14 | | 1.536.14 |

*Fakaj Kontoj*

| Debito | Sm. | Kredito | Sm. |
|---|---|---|---|
| Interŝanĝa Fako | 91.66 | Interŝanĝa Fako | 5.30 |
| Laborista Fako | 15.68 | Laborista Fako | 1.00 |
| Virina Fako | 26.87 | Virina Fako | 1.00 |
| Studenta Fako | 1.60 | Studenta Fako | 0.50 |
| | | | 7.80 |
| | | *Saldo* | 128.01 |
| | 135.81 | | 135.81 |

**Novaj Del. kaj Subdel.**

Clermont-Ferrand (Francujo, Puy-de-Dôme). — D.: Pereira, 85, bd. Gergovia.

Davos (Svisujo, Graubunden). VD.: Maximilian von Ehrenthal, Villa Erika, Clavadel apud Davos.

Habana (Kubo). — DD.: Antonio Aleman Ruiz, Apartado 1.324; DVD.: Joaquin M. de Villa, Apartado 1.357.

Miesbach (Germanujo, Bavarujo). — D.: Christian Ziegler, Neumühle apud Miesbach.

Penamacor (Portugal). D.: Jayme E. A. de Mendonca, farmaciisto.

Ft. Sam Houston (Usono, Texas). — D.: Bohdan Tokarsky, eksinstruisto, nun ĉefkuiristo en usona armeo, Co. « K », 22 n-d Inf.

Slob Nikolaevskaja (Rusujo, Astraĥan gub). — Eugeno Tiĥonov, Carevsk, u.

Stafford (Anglujo, Staffordshire). — D.: Frederick Charles Willis, elektro-inĝeniero, Gate Farm. Brocton.

Zakopane (Aŭstrio, Galicio). — D.: Konrad Sadowski, jurnalisto; V. D.: Gustaw Kaleivski.

**Ŝanĝoj.**

Charleroi (Belgujo). — DD. W. Ernst.

Ekaterinodar (Rusujo, Kaŭkazo). — D.: Helmut Janverk, komercisto. 46, Gogolstr.

Fresnes (Francujo, Nord). — D.: Renaud Richez, negocisto, tel. 9.

Gross-Schonau, (Germanujo, Saksujo). — D.: Josef Zosel, apredisto, n-o 455.

Hof (Germanujo, Bavarujo). — D.: Udo Ziegler, sekretario, 33/11 Schillerstr.

Merseburg (Germanujo, Prov. Sachsen). — D.: F-ino E. Mansfeld, 4 Wilhelmstr.

Mittweida (Germanujo, (Saksujo). — D.: Richard Schinkel, poŝtoficisto, 17/III Weberstr, VD.: Otto Weikert, 19 Altenburgerstr.

Odessa (Rusujo, Cherson). — D.: Grigorio Tourianski, inĝeniero Kniaĵeskaja 19 loĝ. 3.

Peruwelz (Belgujo, Hainaut). — D.: J. Aldebert, negocisto, 21, Grande Place.

Bad Reichenhall (Germanujo, Bavarujo). — VD.: Eugen Otto, fervoja sekretario.

Richmond (Usono, Virginia). — D.: J. B. Spiers, 901 W. Main St.

Ŝepetovka (Rusujo, Vol. gub.). — VD.: Léon Kirzner, instruisto, Borarnaja ul.

Worthing (Anglujo, Sussex). — D.: E. J. Burnett, pastro, Hejmo, King Ed. Av.

**Eksiĝoj** (pro forveturo aŭ aliaj kaŭzoj).

*Angers* (D.: Moisson); *Benndorf* (SD.: Barth); *Bern* (VD. Ed. Stettler); *Cleveland* (D.: Karpowsky); *Ilfeld* (D.: von Pelser-Berenberg); *Insterburg* (D.: Lukasins); *Ivanoviĉe s/H.* (VD.: Kupka); *Jalta* Polansky); *Jena* (D.: Carnap); *Karlsruhe* (D.: Bode); *Kladno* (D.: Koĉi); *Moers* (D.: Hausmann); *Monaco* (D.: S-ino de Ferrer); *Neckargartach* (D.: Merkle); *Ostrava* (SD.: Babinec); *Portland* (D. Dentlinger); *Rouen* (D.: F-ino Fournier); *Rüschlikon* (SD.: F-ino Stuber); *West Palm Beach* (D.: S-ino Ower); *Wloclawek* (D.: Robin); *Wunsiedel* (D.: Ziegler); *Zombor* (D.: Diosy).

**Korektoj.**

En n-o 130 anstataŭ *Kamjenj Bivolov* (Azia, Rusujo, Primorskaja) legu: *Kamenj Rybolov* (Azia Rusujo, Primorskaja).

En n-o 131 anstataŭ Grossen-Mulde legu: Crossen-Mulde.

**Informo.**

La adreso de la Del. de *Ft. Sam Houston* estas nun ; Bohdan Tokarsky, Co. « K », 22-nd Inf., Ft. Bliss, Texas, Usono.

**Esperanto-Oficejoj.**

*Charleville* (Francujo). — Leon Gatz, librejo, 3, cours d'Orléans.
*Dôle* (Francujo). — Librejo Ledun, 43, Grande Rue.
*Fresnes* (Francujo). — Librejo Aldebert.
*Mannheim* (Germanujo). August Koedel, cigarvendejo, D. 2. 8. (Planken).
*Zakopane* (Aŭstrio). — Zygmunt Rembowski, ul. Krupowski.

**Novaj Esperantiaj Entreprenoj** (Por la jaro 1912-1913)

N-ro 14. — *Esp. Societo « Tula Stelo »*, Hôtel de Ville, P. : D-ro Bouchon, S. : Leon Gervois, K. : Harmaud, ejo : rue du Murot, Ecole Paul Bert. La korespondemuloj povas sin turni al la sekretario por ricevi adresojn de korespondantoj.

N-ro 15. — *Svisa Esp. Societo* (Bern, Realiĝo) P. : E. Stettler, VP. : Wenger, Uhlmann, S : Schmid, K. F-ino Chenevard, komitatanoj : Arnold, Forster, Jaquillard, Pulvers, Rusterholz, Wolf. La Societo konsistas el 24 grupoj kun 450 anoj (20 Sd. jare po ano) kaj izolaj membroj (40 Sd). Administrado : Centra Komitato, ĝenerala jara kunveno aŭ skriba voĉdonado. Specialaj komitatoj prizorgas la ekzamenojn en du gradoj kaj la jurnalon. Oficiala organo : Svisa Espero (F. : 1902). Abono kun la propaganda jurnalo : Monda Poŝto por Sm. 1.20 Eksterlande : Sm. 1,60 ĉe la eldonejo J. Thalmann, Fischental, Zürich.

N-ro 16. — *Kieva Esp. Soc. « VerdaStelo »*. P. : K. Ŝepe, VP. : L. Illaŝeviĉ, S. : Koldaev, K. : J. Borodkin, kunvenoj lunde kaj jaŭde.

N-ro 17. — *Grupo Esp. de Granada.* Ejo : Real Sociedad Economica de Amigos del Pais, Rua Duquesa.

N-ro 18. — *Elbinga Esp. Societo*. P. : H. Greff, 27/I Talstr., S. : Glovitz, K. : Kubicki ejo : komerca lernejo de Otto Liede, Friedrich-Wilhelmpl. ĉiulunde je 8 1/4.

N-ro 19. — *Stadtisches Verkehrsamt* (Urb informejo), Wernigerode, 4 Nikolaipl (Realiĝo). Tre konata pentrinda urbo de Harz montaro. Aerkuraclôko. Ŝatata libertempejo de fremduloj, 8-paĝa lukse il. esp gvidlibreto senpage. La Entrepreno povas senpere korespondi en Esperanto.

N-ro 20. — *Hotelo « Gothisches Haus »*, Wernigerode, Markt (Realiĝo). Pos. ; W. Frike. Multe vizitata kaj ŝatata hotelo de turistoj, Klubejo de Esp. grupo en Wernigerode.

N-ro 21. — *Vilao « Esperanto »*, Wernigerode, 24, Bismarckstr. (Realiĝo). Pos. : Ges-roj Neurath. Fremdula kaj familia pensiono en ĉarme lokita urbeto kun belega montregiono. Vizitata de ĉiulandaj geesperantistoj. Oni bone parolas Esp. Prospektoj senpage.

N-ro 22. — *Grupo Esp. Neuchâtel'a* (Realiĝo). P. : Stroele, Pierre qui roule 11, S. : Schutz, K. : Breguet, ejo : Collège des Terreaux.

N-ro 23. — *Esp. Grupo Bitterfeld*, P. : W. Stoffregen, la Ziegelstr., S. : W. Przytulla, K : Schiebel, ejo : Hôtel Europa.

N ro 24. — *Esp. Grupo Cordoba*. P. : P. Linares, Hte. S. Basilio, S : F-ino de Tapia, K. : L. de Tapia, ejo : Huerto San Basilio.

N-ro 25. — *La Esp.-Rondo Regensburg*. (Realiĝo). P.: H. Nusslein, ejo : Kafejo Fürstenhof kaj Habsburg.

Pro manko de loko ni devas prokrasti la publikigon de la ceteraj Entreprenoj ĝis la venonta numero.

# Nova Ideo de la Propaganda Ligo

Iafoje unu bone pripensita kaj sprite aranĝita afero povas samtempe atingi kelkajn tre bonajn celojn.

Al tiaj aferoj, sendube, apartenas la Internacia Loterio, nun aranĝita de la Propaganda Ligo PARKURBO-ESPERANTO.

Efektive, ni ekzamenu tiun ĉi entreprenon tute senpartie, objektive, laŭ la faktoj : kion celas la Internacia Loterio?

1· Ĝi volas pligrandigi la kapitalon, uzotan por la konstruado de multaj komunaj tre utilaj, eĉ necesaj konstruaĵoj en PARKURBO : preĝejo, lernejo, teatro, rifuĝejo, k. t. p.

2· Ĝi por tre malgranda sumo (50 sd. por la bileto !) donas al niaj gesamideanoj la eblecon provi sian feliĉon kaj gajni de tri ĝis mil markoj, kaj eble eĉ domon en Parkurbo, valorantan 25.000 markojn, (iu ja devas ĝin gajni !).

3· Ĝi permesas al nia tuta gesamideanaro partopreni en la efektivigo de belega ideo *krei Esperantan urbon*, ĉar se ne ĉiu aĉetita bileto gajnos, tamen ĉiuj aĉetantoj eĉ po unu bileto havas plenan rajton konscii, ke ili laŭforte helpis la Esperantan aferon ne nur morale, sed ankaŭ materie.

4· Por tre multaj gesamideanoj ĝi donas ankaŭ bonan okazon, farante pure *Esperantan* kaj tre facilan laboron, iomete pligrandigi siajn vivrimedojn, ĉar la entreprenantoj, evidente tute ne celante iajn ajn personajn profitojn, decidis doni bonajn premiojn al tiuj personoj, kiuj ekvolos sin okupi per varbado de la membroj por la propaganda Ligo, aĉetontaj la biletojn de la Internacia Loterio.

Tiuj ĉi premioj, kiel oni povas vidi el la nun preparataj cirkuleroj, estas sufiĉe grandaj, kaj bone, tre bone rekompencas tiujn, kiuj prenos sur sin tiun facilan laboron.

Jen kiamaniere estas aranĝita la afero.

En ĉiuj el dek serioj de la Internacia Loterio estas donataj po 36 premioj al tiuj, kiuj varbos la plej grandan nombron da aliĝintoj al la Propaganda Ligo kaj samtempe aĉetintaj la biletojn de l'Internacia Loterio laŭ jena kalkulo : 1 premio : 1.000 markoj ; 1 - 600 ; 1 - 500 ; 1 - 400 ; 1 - 200 ; 10 premioj po 100 kaj 20 po 50 markoj. Tiamaniere en ĉiu aparta serio estas donataj 36 premioj en la sumo de 5.000 markoj, kaj sekve en ĉiuj dek serioj de la tuta loterio oni donas 360 premiojn en la sumo de 50.000 markoj.

Krom tio, post disvendo de ĉiuj dek serioj kaj post disdono de la premioj al la plej energiaj varbantoj, estis donacita ankoraŭ unu ĉefpremio, kiel supera rekompenco — *domo en Parkurbo, valoranta 18.000 markojn, aŭ anstataŭe — 15.000 markoj per mono* — al tiu el niaj gesamideanoj, kiu sukcesos varbi la plej grandan nombron da aĉetantoj en ĉiuj dek serioj kune.

Pro tio la Propaganda Ligo proponas al ĉiuj, kiuj volas sin okupi per la varbado, postuli necesan kvanton da libretoj kun kontrolkuponoj (en ĉiu libreto estas 50 kuponoj), por noti kaj numerigi en tiuj libretoj la nomojn kaj la adresojn de la varbitoj, kaj poste la Propaganda Ligo, laŭ la nombro de la venditaj biletoj, difinas, kian premion devas ricevi la varbanto.

Ni tutkore aprobas tiun ĉi novan ideon de la Propaganda Ligo, kaj varmege rekomendas ĝin al serioza atento de la tuta Esperanta mondo. Tiamaniere la sukceso de l'Internacia Loterio estas tute garantiita, kaj, kune, multaj niaj gesamideanoj havos la eblecon ricevi sufiĉe bonan rekompencon por sia laboro. Sed, krom tio, tia sistemo de varbado de anoj — aĉetantoj montros al la ne esperanta mondo, ke nuntempe Esperanto estas jam tiel potenca kaj tiel profunde penetris en la vivon, ke oni povas okupi sin per Esperanta laboro ne nur por plezuro, kiel diletanto, ne nur pro ĝia ideala flanko, sed ankaŭ por pligrandigi siajn vivrimedojn — unuvorte, ke nun oni povas labori ne nur *por* Esperanto, sed ankaŭ *per* Esperanto.

Nun venis la tempo de praktika uzado de Esperanto en nia ĉiutaga vivo. Tion montris U. E. A., tion bonege argumentas la bela ideo pri la konstruado de Esperanta urbo,

kaj tion fakte pruvas la nun organizita Internacia Loterio, kiu sendube havos la sukceson, ĉar ĝi estas bazita sur tute natura, reala, sana fundamento kaj celas la efektivigon de la sama praktika apliko de Esperanto, kiel U. E. A., aŭ la Propaganda Ligo. Kaj ni tute ne bedaŭras, ke tiu idealista periodo forpasis : oni ne povas ekzisti nur pro idealo, des pli, ke ĝenerale idealo estas neatingebla, alie ĝi ne estus idealo!... Nuntempe nia kara Esperantujo estas jam tiel forta, tiel potenca, ke ĝi povas ekzisti per si mem, kaj en si mem ĝi trovas la rimedojn, por rekompenci siajn kunlaborantojn.

V. N. DEVJATNIN.

# Esperantia Parolejo

### Oni proponas!

.˙. S-roj *J. Pomper* kaj *J. Finkelsztejn*, Esp.-ianoj en *Varsovio*, proponas, ke U. E. A. starigu fakon por junuloj.

.˙. S-ro *Chenevier*, Esp iano en *Annonay*, proponas ke oni ĉiam skribu Esperante korespondante kun fremdajn, komercistoj eĉ neesperantistaj. « Skribante eksterlanden ne uzu alian lingvon, ĉar la ricevontoj de viaj korespondajoj klare vidos, ke Esperanto estas vere lingvo uzebla kaj uzata. »

S-ro *Béla David*, Vicdel. de *Kolozsvar*, faras similan proponon.

### Oni laŭdas!

.˙. S-ro *W. Ranft*, Dresden, esprimas siajn korajn dankojn al S-roj K. C. Ŝan, Del. de Shanghai, kaj Hall, Del. de Helensburg, por ilia afabla helpado dum vojaĝo.

.˙. S-ro *R. Maranrij*, Del. de Noja (Hisp.), dankas al S ro D-ro A. Thomas, Vicdel. de Cardiff (Angl.), por lia kora akcepto farita al li en tiu urbo.

.˙. S-ro *R. Housse* (en franca regimento) laŭdas S-ron Villemain, Del. de Remiront (Franc.) pro informoj kaj konstanta helpo ĉe sia alveno kaj restado en Remiremont.

.˙. S-ro *J. Hebsky*, en Praha, piede kaj vagonare iris de Praha ĝis Peterburgo kaj sukcese uzis la servojn de niaj Del. Nur sur la rusa landlimo oni konfiskis de li Esp. gazetojn kaj en Grodno estis kaptita kiel spiono kaj liberigita du horojn poste. Nia korespondanto aldonas : « Mi konsilas neniun vojaĝi piede tra Rusujo, ĉar estas tre danĝere. »

.˙. Drogisto, Esp.-iano en *Coventry* (Angl.) ricevis de sveda S-ino recepton por prepari medikamenton. Ĉar li ne posedis ĝin, li turni sin al la propaganda firmo en la urbo. Sed li ricevis la respondon, ke ili ne havas ĝin. Petante poste firmojn en Birmingham kaj London li ricevis la saman respondon. Do, li skribis al Del. en Svedujo, kiu tuj havigis al li la deziritan medikamenton.

# Esperantia Vivo

**Naskiĝoj.** — Ges-roj *Nallet*, Hyères (Franc.) sciigas la naskiĝon de sia filo Andreo. — Ges-roj *Schinkel*, Mittweida (Germ.), sciigas pri la naskiĝo de du bonfartantaj gefiloj.

# Alvokoj

### Por la militaj vunditoj

De tago al tago ni aŭdas kun konsterno famojn pri la teruraj sangelverŝadoj, kiuj okazas sur la Balkano.

Apenaŭ pasis du semajnoj, kaj la sanigejoj de la tuta Balkano fariĝis nesufiĉaj. Dekmiloj da soldatoj, eĉ nemulte vunditaj, devas formorti, ĉar mankas hospitaloj kaj mankas mono por flegado.

Ni, Esperantistoj, kiuj ĉiam montris nian sindonemecon por la belaj homaraj idealoj, ne devas resti senmovaj antaŭ tiu granda malfeliĉo.

La simpatiaj rilatoj inter Esperanto kaj Ruĝa Kruco estas jam ĉie konataj.

Ni ne pririgardu la religion, la naciecon de la batalantoj, sed nur tion, ke ili estas homoj, kiuj nun kuŝas stertorante en vundoj...

Ni helpu ilin!

Mi ne opinias, ke inter ni, Esperantianoj kaj Esperantistoj, troviĝas eĉ unu, kiu rifuzus malgrandan oferon por tiel alta celo.

Plej taŭge estus por tio, se U. E. A. malfermus monkolekton por la vunditoj de la nuna milito.

U. E. A. estas tiel disvastiĝinta, ke ĝi facile povos alvenigi la donacojn de la Esperantistaro.

E. SZILESZAY, Del. Nograd-Veroce (Hungarujo).

.˙.

Tiun ĉi leteron akompanis monsendo da 1.20 Sm.

U. E. A. tre volonte akceptos ĉiujn donacojn por la militaj vunditoj. Tiujn donacojn ĝi transdonos al la Internacia Ruĝa Kruco. La listo de la donacintaj personoj aperos en *Esperanto*. (Red.).

### Al Socialistoj

Dank'al klopodoj de Limoges'a sekcio de E. S. F. I. O. (socialista anaro), la ĉiutaga socialista ĵurnalo *Le Populaire du Centre* publikigas regule, sub la titolo « Niaj Leteroj », tradukojn de leteroj verkitaj de nefrancaj gesamideanoj. Tiun ĵurnalon legas ĉiutage pli ol dek mil personoj.

Sekve mi petas ĉiujn bonvolajn gesamideanojn socialistajn, ke ili fariĝu kunlaborantoj. Ili sendu ĉu originalajn artikolojn, ĉu tradukajojn. Interŝanĝe ili ricevos la numeron entenantan la artikolon.

Oni skribu al : S-ro L. Lamant, 7, faubourg du Pont-Neuf, Limoges (Francujo).

### Ekspozicio

La Aucklanda grupo faros elmontrajon de esperantajoj ĉe la venonta ekspozicio nov. 1913.

La loka delegito dankeme ricevus p. k. de ĉiuj landoj, por montri la disvastiĝon de nia kara lingvo, marko sur bildflanko.

Responde li sendos p. k. de Maori belulino.

J. S. RUSSELL,
*Auckland* (New-Zeland.).

### Instituto por edukigo de malfortaj infanoj

D-ro H. Ŝipek, del. de U. E. A,. sciigante nin, ke li fondis en Heliopolis (Egiptujo) instituton por edukado de malfortaj infanoj, alsendis al ni samtempe specialan, esperante skribitan alvokon, kiun li volonte dissendos al ĉiuj, kiujn interesas la temo. En tiu ĉi alvoko li interalie skribas, ke, laŭ lia opinio, du rimedoj estas plej efikaj en batalado kontraŭ la tuberkulozo : 1) malhelpi al jam tuberkulozaj personoj naski infanojn kaj 2) forigi malfortajn infanojn el malbonaj kondiĉoj. sekve el iliaj familioj kaj el nuna lernejsistemo, kie eĉ tute sanaj infanoj malsaniĝas kaj anstataŭigi la malbonajn vivkondiĉojn per kondiĉoj bonaj : sendi ilin en sanigan klimaton, fortigi ilin kaj zorgi samtempe pri ilia eduko por vivbatalado. Post longa vojaĝado li decidis, ke Egiptaj dezertoj estas plej taŭgaj por efektivigo de liaj planoj ; por tiu celo li jam faris komtrakton kun unu lernejposedanto, kiu donis al lia dispono la duonon de sia instituto t. e. 14 bonege kuŝantajn, sunajn ĉambrojn kun la tuta personaro kaj grandan ĝardenon kun gimnastikilaro kaj du aliajn vilaojn. La 5 ĝis 19-jaraj infanoj, kiuj povas esti de iu ajn nacio kaj religio, estos instruataj tie laŭ plej modernaj amerikaj kaj anglaj praktikaj metodoj, laŭeble sub la ĉielo en absolute pura aero. La interrilata lingvo en instituto estos Esperanto. La infanoj, kiuj ne povas toleri someran varmegon en Egiptujo, povas transmigri por la tempo de 31/V ĝis 31/VIII en alian disponeblan al li instituton en ĉarmega

valo de Libana montaro. Ili estos akceptataj ĉiutempe kaj je la fino de Oktobro kunprenotaj el Eŭropo de D-ro Ŝ. mem, kiu somere loĝas en Luhaĉovice kaj vintre en Heliopolis. MemkomprenebIe, por perfektigi tiun ĉi instituton estos necesa granda kapitalo kaj pro tio la fondinto intencas akciigi la entreprenon. Li pensas, ke la akciuloj povas esti ĉiu persono, societo, urbo, banloko, k. t. p., kiuj aprobas liajn ideojn kaj kiuj havas bezonon sendi siajn infanojn en similajn institutojn kaj precipe ĉiuj ŝtatoj devas partopreni en tiu bonfaranta laboro kaj doni siajn subvenciojn kaj subtenadi ĝin. —

La fondinto mem rifuzas eĉ malplej grandan profiton kaj lasas financan kaj moralan kontrolon al konsuloj de ŝtatoj, al kiuj apartenos la lernantoj aŭ al akciuloj. Por pli detalaj informoj bonvolu turni sin al aŭtoro de la alvoko, D-ro Henriko Ŝipek, somere Luhaĉsvice, Moravio, Aŭstrio, vintre—Heliopolis, oazo apud Kairo en Egiptujo.

# REKLAMO

## KORESPONDADO

L = *letero*. PK = *poŝtkarto*. PI = *poŝtkartoj ilustritaj*. PM = *poŝtmarkoj*. b. fl. = *bildflanko*.

BERGSTEDT-HANNOVER (Germanujo, Kr. Stade). — Fi-no Kate Fitschen, PI.

BOULOGNE-SUR-MER (Francujo). — F-ino Louise Haignéré, instruistino, 149, rue du Moulin à Vapeur, PI.

BOULOGNE-SUR-SEINE (Francujo). — S-ino E. Chantaz (kun ĉiuj landoj).

C. BUDEJOVICE (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro Vojtech Matous, Jirovcova, 12.

DAMAILLERS (Francujo, Meuse). — S-ro Lucien Bannier, str. Bastien-Lepage, L. PI.

DAX (Francujo, Landes) S-ro Fernand Lageste, 25 jara, Del., PI., bfl. (kun ĉiuj landoj).

GIVORS (Francujo, Rhône). — S-ro Michel Gachet (kun ĉiulandaj gesamideanoj, escepte aŭstriaj, germanaj, rusaj, hispanaj kaj svedaj. Interŝanĝi muzikaĵojn kaj esp. gazetojn).

KUHMALATHI (Finlando). F-ino Hanna Kantia,

LAUSANNE (Svisujo). — S-ro Emiljan Loth, Solitude, 29 (dez. korespondi per stenografio Aoro).

LUCK (Rusujo, Wolynska). — S-ro Josef Wojcikiewicz, Ostrozec, librotenisto de Administrejo Ostrozec (interŝanĝi skemojn de terkulturaj libroj, fotografaĵojn, PI., PM.)

MONTEVIDEO (Urugvajo). — S-ro Raŭl V. Idoyaga, Casilla de Correo 308, PI., K. (kun ĉiulandaj samideanoj, escepte francaj, anglaj, germanaj, aŭstriaj kaj rusaj. Respondo laŭ deziro per 2 aŭ 3 kartoj).

MOSKVO (Rusujo). — S-ino J. Kolibrina, Butyrki, Skorbiaŝĉi Monastyr, Novo-Pyhovski pr. 15, k. 3, PI. (kun nerusaj samideanoj).

MOSKVO (Rusujo). — S-ro B. Gruzinskaja d. 2/21 kv. 51, P. Semperoviĉ, PI. (kun gelernantoj).

MOSKVO (Rusujo). — S-ro A. Prager, poŝta kesto, PI. (kun amerikanoj).

OREL (Rusujo). — S-ro Boris Andrejeviĉ Popov, Ĉerkasskaja 27, PI. (kun ĉiuj landoj, escepte eŭropa Rusujo).

PALMA DE MALLORCA (Hispanujo). — Esperantista Klubo Palma, Ramba, 19, PI. (kun ĉiuj landoj, precipe kun neeŭropaj).

PHILADELPHIA (Usono). — S-ro C. C. Coigne, 2.157 E. Cumberlandstr. (Pri la kosmologia kaj filozofia sistemo de katolika Budhismo).

PLEVEN (Bulgarujo). — S-ro S. N. Ĉorbaĝiev, poste restante (kun ĉiuj landoj).

SANTA COLONA DE FARNÉS (Hispanujo, Gerona). — S-ro Antono Vila, do Plaza de la Constitucion (kun junuloj kaj speciale kun junulinoj).

SMYRNA (azia Turkujo). — Sro. Panayroti Styhanopoulo, rue Elmassoglon, no 22.

STAVANGER (Norvegujo). — S-ro Vilh. Pettersson, O'vre Klevegat 2, PI. PM. (kun neeŭropanoj).

SAINT-DENIS (Francujo). — F-ino Jane Massart, 3, rue du Fort de l'Est.

VOLKOVINCI, Podolskoj gub. (Rusujo). — S-ro Jano Vojcieĥovskij, PK.

WARNSDORF-I-B. (Aŭstrujo). — S-ro Carl Fischer, Creditanstalt PI. PM. oficialaj PK. (respondas nur sur belaj kartoj).

ZERRENTHIN, Pasewalk (Germanujo). S-ro Otto Pfeiffer, instruisto, L. PK. PM. PI. (L. ankaŭ kun junaj fraŭlinoj kaj fremdaj kolegoj).

## PETOJ KAJ PROPONOJ

BONAN APETITON. — Manĝokarto en 6 lingvoj por vojaĝontaj eksterlanden. Prezo 10 SD. en poŝtaj markoj aŭ respond-kuponoj. Revendistoj ricevas rabaton. Ig. Tejchfeld, Jerozolimska 89 — Varsovio (Rusujo).

---

ESPERSTENO : Alfaro de la Pitman'a Sistemo de Ŝtenografio al la postuloj de Esperanto. Prezo : Sm. 0.50 (aŭ 5 responkuponoj) afrankite. Havebla ĉe la Aŭtoro, J. Catton, Oswald Road, Saint-Albans, Anglujo.

---

GLUMARKOJ. — Mi deziras eldoni specialan ilustritan katalogon de Esperantaj « GLUMARKOJ » kun plena priskribo kaj informoj. Ĉiuj eldonintoj de glumarkoj estas petataj sendi po unu ekzempl. kun klarigoj : dato de eldono ? eldonejo ? desegnisto ? prezo ? plena adreso ? ktp. al Georg Davidov, Rusujo, Saratov, poŝtkesto 12.

---

LIBREJO ESPERANTO en Montevideo deziras havi komercajn kaj pri Esperanto propagandajn interrilatojn kun similaj alilandaj firmoj, t. e. Esperantaj eldonejoj, librovendejoj, papervendejoj, k. t. p. Oni petas ankaŭ la alsendon de katalogoj, specimenoj, prezaroj, k. s. — Adreso : Libreria Esperanto (Munoz kaj K-o), strato 25 de Mayo 471. Montevideo (Urugvajo).

---

PETO. — S-ro Ed. Stettler, Vic-Direktoro de U. E. A., Bern kaj Genève, petas la esperantistojn, ke ili ne sendu al li proponojn pri interŝanĝo de leteroj, poŝtkartoj ktp. Havante multan oficialan korespondadon, li ne havas la tempon por respondi al tiaj proponoj.

---

Por aranĝi ESPERANTAN EKSPOZICION mi petegas ĉiujn samideanojn, por ke ili sendu al mi esp. gazetojn, afiŝojn, broŝurojn, glumarkojn, legitimkartojn, vidaĵojn, ktp., ankaŭ kolektojn, naturaĵojn, monerojn kaj aliajn. Laŭ la deziro de la alsendanto mi interŝanĝus ilin por vidaĵoj, ktp. Ekzemple mi aĉetus ilin. Estimatajn sendaĵojn elpetas kun difino de la postuloj. Rud. Novy, Kladno, 445, Bohemujo-Aŭstrio.

---

PORTUGALAJ POŜTMARKOJ. — Kontraŭ respondkuponoj mi sendas portug. PM. ; duobla valoro laŭ katalogo Yvert et Tellier 1913. Oni povas elekti. Kie ne estas resp.-kup. mi akceptas neuzitajn PM. S-ro A. Pereira, rua do Rosario, 217, Porto (Portugalujo).

---

POŜVORTARO. — Tre interesa libro por hispanlingvanoj kaj fremduloj vizitontaj latinajn landojn. Enhavas pli ol 10.000 radikojn. Lukse bindita 2 Fr. Adresu al S-ro X. Tuduri, S. Sebastian (Hisp.).

---

SERIOZA RIPREZENTADO. — Firmo kiu tion serĉas en Germanujo, por enkonduki iun ajn artikolon, donu adreson kun proponoj al : H. Fischer, 46, Westwall, Krefeld, German. (Ili mem pagas vojaĝkostojn).

---

UKRAINA STELO. — Ilustrita esperanta monata gazeto 16 paĝa. Jara abono Sm. 1,40 (Kr. 3 36) (Specimeno nur kontraŭ respondkupono aŭ 13 Sd). Administrejo : Z. Kiriloviĉ, 8, Mickieviĉa-Kolomea (Aŭstrio-Galicio).

